# La mondo vin vokas

**BULGARIO**

☆ Dimitr Stoev Kolev, Hristo Botev 36 — Marica, deziras korespondi kaj interŝanĝi p. m. kun ĉiuj landoj.

☆ K-ino Stojanka Kovaĉeva str. „Car Asparuh" 13 — Ruse, deziras korespondi france kaj esperante k. ĉ. landoj.

☆ Todor Iv. Matev, Bulgario, Nevrokop, str. C. Samuil, 4 deziras korespondi kun esperantistoj el la tuta mondo.

☆ Ivanka Gedova, gimnazia instruistino geografisto str. Bratindol 16 I bl. 1 vhod Krasna Poljana, Sofia deziras korespondi kun geografistoj.

☆ Kânĉo Nikolov Ivanov, str. Perister № 4-a, Razgrad, gimnazia lernanto 18 jara deziras korespondi kun gesamideanoj el ĉiuj landoj kaj interŝanĝi p. m. p. k. il., ĵurnalojn kaj aliajn presaĵojn.

☆ Nadja Mihajlova Bokilovska, Sofia, str. „Rakovski" 152, II. et., deziras korespondadi pri diversaj temoj kun geesperantistoj el la tuta mondo. Respondo garantiita!

☆ Atenton! Tajloroj kaj ĝardenistoj, mi estas 40 jara kaj deziras korespondadi kun kolegoj et la tuta mondo per l., libroj kaj I. P. K. Respondo garantiita. Adreso: Georgi Varbanov, V, Brodilovo, Miĉurinska.

☆ Stefan Naĉev Boŝkov, Debelec, Tirnovsko, elekroteknikisto, dez. korespondi kun ĉ. landoj pri diversaj temoj.

☆ Dimitr St. Kolev, juristo, Hr. Botev 36 urbo Marica korespondas prefere kun kolegoj ik. pm.

**ĈEĤOSLOVAKIO**

☆ Alois Brejcha, Litvinov VI, Luĉni №14, ĥemiisto, deziras korespondi kun ĥemiistoj.

☆ Josif Vild, faka instruisto, Rokycany 116 II deziras interŝanĝi poŝtmarkojn.

☆ Jarmila Freibergova, instruistino, Materjaska ŝkola Straŝice u Rokycan deziras korespondi kun tuta mondo.

☆ **100 novaj esperantistoj** (arkitektino, komercistoj, oficistoj, studentoj, geknaboj) deziras koresp. kun tuta mondo. Adreso: J. Friedrich, Hoblikova 8, Brno, Ĉeĥoslovakio.

☆ Zdenek Vachun, Hranicka 474, Valaŝske Meziriĉi, 17-jara studento, volas koresp. kun ĉiuj landoj pri ĉio.

☆ K-do Josef Hopf, Nove Sedlo, ĉ 116 u Sokte deziras interŝanĝadi manskribitajn tradukaĵojn el nacilingvaj gazetoj pri ĉiuspecaj temoj. Kiu sendos 2-aŭ 3 esperanto gazetojn ricevos ilustritan poŝtkarton filatelie afrankitan. Respondas certe.

**JAPANUJO**

☆ Juna japana esperantisto deziras korespondi; Saburo Kaneko, Okada Gomu Syataku, Hutamata-kyoku kundi; Sizuoka-ken (Japanujo)

☆ Deziras nur interŝangi infandesegnaĵojn kun hungaraj geinstruistoj de elementa lernejo kaj infanĝardeno. Japanajn infandesegnaĵojn bonegajn anstataŭe certe sendos mi. Mi estas 40 jaraĝa kritikisto de infanbelarto. S-ro Sadaziro Kubo, Aramati, Maoka-tvo, Totigi-ken, Japanio.

☆ F-ino Yoneko Tamura. 138 Okamoto Ohuna-cho. Kamakura-shi, Kanaĝawa-ken. 18-jara esperantistino deziras korespondi.

☆ F-ino Keiko Nakamura, Sakati, Kozakai-cho, Noi-ĝun, Aiti-ken, 18-jara studentino deziras interŝ. pkt., pmk. kaj fotojn k. ĉ. l.

☆ F-ino Mihoko Otial. 17-jara gimnazianino deziras korespondi kun gestudentoj ĉiulandaj. Respondo garantiata. Nishi III-49 Tezukayama. Simiyosi-ku, Osaka. Japanio.

☆ F-ino Haruko Yamamura 17-jara lernantino deziras korespondi pri sportoj kaj interŝanĝi esperantaĵojn aŭ ilust. gazetojn. I-26 Tanimati, Hiĝasi-ku, Osaka,

☆ Josio Kaneko, Sinchi Machi 3—1 Otaru Hokaido — interŝ. p. m. kaj p. k. kun eŭropaj gesamideanoj.

☆ Toymasa Yamaŝita 6003 Agaya Johana Toyama-ken, dez. korespondi kaj interŝanĝi p. k. kaj pm.

☆ Ĉikao Tojama. 931 Nogata 1 Tokio dez. korespondi kun studentoj kaj junuloj.

☆ Hinako Iguchi, 17-jara studentino deziras korespondi kun gejunuloj ĉiulandaj, precipe pri sportoj. 1342 Oobasu-cho Huseshi Osaka hu.

☆ Toŝiko Hamada. 997 Ooimazato-cho Higashinavi-ku Osaka-shi. lernantino (16-jara) deziras korespondi kun gelernantoj pri ĉiu temo. Respondo garantiia.

☆ Saburo Sawabe, 19-jara studento deziras interŝanĝi leterojn per aerpoŝto, kaj p. k., p. m., fotojn kun ĉiulandaj gesamideanoj, adreso; 880 Kamikosaka Huse-shi Osaka-hu.

☆ Masamicu. Mizuno gimnaziano 18-jara deziras korespondi kun junaj gekamaradoj pri radio-elsendo kaj skoltaj informoj, IV-34 Higashi-imazato Higashinari-ku Osaka-shi,

☆ Kazuyuki Yasui. 3-526 Asagaya, Suginami-ku, Tokio, deziras korespondi kaj interŝanĝi p. k. kaj pm.

☆ S-ro Yoŝio Miyake, 2025 Ŝimizu, Akaŝi-gun, Hjogo-ken deziras korespondi kun ĉ. landoj pri terkulturo kaj fotoarto, interŝanĝas pm. I. p. k. kaj ilustritajn gazetojn.

☆ Japana revolucia sindikato deziras interŝagi afiŝojn kun eksterlandaj sindikatoj k. a. Ne forgesu almeti esperantan klarigon. Adr: Osaka-Sanbetu, Nisiteramati 1-11, Kita-Ku, Osaka.

**FRANCIO**

☆ R. Etienne, I. H. M. Haut-Levêque à Pessac (Gironde) dez. korespondi kun sovetaj samideanoj.

**NEDERLANDO**

☆ Por ekspozicio de infanaj desegnoj mi bezonas desegnojn el la tuta mondo. Adreso: P. Cleij (instruisto) Lingestraat 16 b. Groningen.

**USSR**

☆ Kiu vendas Maŝinfakan teknikan Esperanto-germanan vortaron de Wüster — du ekzemplerojn, novajn aŭ uzitajn? Proponojn sendu al Estona SSR, Tallin, Popjapuiestee 21, „Ilmarine" — Rüstarammer, Taemets.

**HUNGARIO**

☆ D-ro Lukacs Gyula Merei, utca 7, Szeged, Hungario dez. korespondi kaj interŝanĝi p. k. kaj p. mk.

**ĈINIO**

☆ S-ro A. Lam — 21, Temple Lane, Yu Yuen Rd., Shanghai (23). Juna ĉina karikaturisto volonte ricevos de ĉiuj landoj, karikaturajn broŝurojn, poŝtkartojn aŭ tondaĵojn pri politiko, kutimoj kaj aliaj. Rekompencas laŭ deziro.

---

*BULGARA ESPERANTISTA KOOPERATIVO*
*Sofio, str. Tri uŝi № 15 liveras:*

***1. Plenajn kompletojn de „Internacia kulturo:***

***jaro 1-a — 10 kajeroj. . . . 400 lv.***
***jaro 2-a — 16 kajeroj . . . 600 lv.***
***jaro 4-a — 12 kajeroj . . . 400 lv.***

***2. Apartajn numerojn de „Internacia kulturo; ĉiu numero 40 lv.***

***jaro 1-a, ĉiuj numeroj, escepte la 1-a***
***jaro 2-a, ĉiuj numeroj, escepte 13-14 kaj 16***
***jaro 3-a, ĉiuj numeroj, escepte la 1—2***
***jaro 4-a, ĉiuj numeroj, escepte la 1, 11 kaj 12***
***Mendu sendante la sumojn per poŝtĉekkonto 9966***

***Samideanoj, kiuj sendos al la kooperativo № 1—2 de la III-a jaro ricevos la libron „Elektitaj rakontoj" de Elin-Pelin.***

---

NI REKOMENDAS!

Aperas la leginda progresiva esp.-gazeto „EL POPOLA ĈINIO". Ĉiu progresema esperantisto devas aboni ĝin. Adreso: 26 Kuo Hui Chieh, Peking, Ĉinio.

---

*NOTO DE LA REDAKCIO*

***Pro riparo de la presmaŝino ni malfruigis la aperadon de Int. Kulturo.***

***La redakcio petas pardonon de la abonantoj.***

# INTERNACIA KULTURO

MAJO-JUNIO 1950

KULTURA KAJ SOCIA REVUO DE LA DANUBREGIONAJ ESPERANTO-ASOCIOJ

ADRESO: STRATO TRI UŜI № 15, SOFIA — BULGARIO

KVINA JARO N-RO 5-6


# LA BATALO POR PACO DEVAS ESTI PLIFORTIGATA

*La okcidentaj kapitalismaj ŝtatoj refutis sovetiajn proponojn pri porpaca kontrakto, pri malpliigo de la armaĵoj de la grandaj potencoj kaj por malpermeso de la atoma armilo. Ili malebligis la internacian kunlaboradon pri la solvo de la nearanĝitaj postmilitaj problemoj kaj pri asekuro de longedaŭra paco en la mondo.*

*En la lasta kunsido de la Komitato de la ministroj de la eksteraj aferoj en Parizo estis antaŭvidita kunvoko de alia kunsido pri aranĝo de la disputitaj problemoj rilate la packontrakton kun Germanio, Aŭstrio k. c. Anstataŭ la Komitato de la ministroj de la eksteraj aferoj tamen en Londono kolektiĝis konferenco de la triopo de la okcidentaj ŝtatoj kaj je unua loko en tiu konferenco estis metita la problemo pri aligo de Okcidenta Germanio al la agresiva bloko de tiuj ŝtatoj.*

*Intertempe la agado de la Organizaĵo de la unuigitaj popoloj delonge estas paralizita. En momento de serioza streĉo en la internacia stato la Konsilantaro por sekureco ne povas kunsidadi kaj decidadi. La kaŭzo de tio estas, ke la amerika registaro deziras konservi en la organoj de AUP la reprezentantojn de la reakcia kuomintanga kliko, kiu estis forpelita de la ĉina popolo, sed ne akceptas la reprezentantaron de la Ĉina popola respubliko kun ĝia 475-miliona loĝantaro.*

*La amerikaj imperiistoj ne permesas membradon en AUP de demokrataj landoj kiel Bulgario, Rumanio kaj Hungario, sed ili plu tenas en ĝi la reprezentantojn de unu fiktiva registaro, malaprobita de siaj popolo kaj lando. Ili rompas la internacian organizaĵon por subteno de la paco kaj sekureco, ĉar ili ne povas fari el ĝi entute plenumaparaton de sia perfortiga kaj rabema politiko. Ja, pro tio ili streĉe organizas siajn agresivajn blokojn.*

*La Nordatlantika pakto sin montris plie kiel militpolitika bloko por efektivigo de la amerika imperiisma agresio. Unu post alia kunsidas sekretaj militaj konferencoj sub la gvidado de la amerikaj generaloj. La kapitalistaj magnatoj de Waal street aĉetis la registarojn de eŭropaj kapitalistaj ŝtatoj kaj dormigis ilian konsciencon. Nun por ili restas asekuri la sangon de la popoloj en tiuj landoj por la milito kiun ili preparas.*

*Ekirante al la konferenco en Londono Acheson, la krianta heroldo de la amerikaj kapitalistaj monopoloj, anoncis, ke antaŭstaras „ĉiam pli fatalaj spertoj en la batalo kontraŭ la komunismo". Kiel grakado de nigra korniko sonas tiuj vortoj.*

*Ne estas malfacile klarigi la kaŭzojn pri la kreskanta agresiveco de la imperiistaj fortoj. La kapitalisma mondo marŝas al malprogreso kaj dekadenco. La produktado en la kapitalismaj landoj malpliiĝas antaŭ ol esti atinginta la antaŭmilitan nivelon en la plimulto de ili. La senlaboreco jam atingas super 40 milionoj da homoj.*

*Samtempe en Sovetunio estas vidata potenca ekonomia progreso. Grandsukcese estas plenumata la postmilita kvinjarplano, pliiĝas la popola bonstato, floras la kulturo. Kreskas same tiel la ekonomiaj kaj kulturaj fortoj en la landoj kun popola demokratio.*

*Estas kontraste demonstrata la supereco de la socialismo rilate al la kapitalisma sistemo. Tio timigas la kapitalismajn regantojn, incitas ilian malamon kontraŭ la landoj de la demokratio kaj socialismo. Ĉar la ekzemplo de Sovetunio kaj de la landoj kun popola demokratio montras al ĉiuj popoloj klamaniere ili povas liberiĝi de la mizero, de la malsekureco en la vivo kaj de la subpremado.*

*La kapitalismaj monopoloj serĉas eblecon venki la krizon per sklavigado de aliaj landoj, per konkerado de novaj teritorioj por disvendo de varoj kaj por fonto de krudmaterialoj. Ili strebas al disvastigado de la imperiisma regado. Sed Sovetunio kaj la landoj kun popola demokratio estas nevenkebla embaraso por efektivigo de tiuj planoj. Ili ne nur firme gardas sian sendependecon, sed ankaŭ senmaskigas la imperiismajn aspirojn kaj kuraĝigas la rezistadon de la minacitaj popoloj.*

*Krome, la fronto de la demokratio kaj socialismo disvastiĝas. Al ĝi aliĝas novaj landoj kaj popoloj, pliiĝas ĝiaj adeptoj en la kapitalismaj landoj. Tio pliigas la malicon de la imperiistoj.*

*Jen estas la radikoj pri la malbona kontraŭsoveta kalumnia propagando, pri la konstantaj provoj de la okcidentaj ŝtatoj kaj speciale de Usono enmiksiĝi en la internan vivon de la landoj kun popola demokratio, subteni sian agentaron en ili kaj instigi reakcian konspiran agadon.*

*Kiam en Bulgario, en Rumanio, en Hungario, en Ĉeĥoslovakio kaj en Pollando estas malkovritaj kaj kondamnitaj amerikaj kaj anglaj spionoj, en Washington, London k. c. tumultas ke tio estas „subpremo de la rajtoj". Kiam energie estas refutata la fremda enmiksiĝo en la internaj aferoj de la ŝtatoj, la okcidentaj registaroj direktas*

# TAGO DE LA SLAVA KULTURO

Ĉiujare la 24-an de Majo la bulgara popolo spontane kaj entuziasmoplene festas la tagon de la fratoj Kirilo kaj Metodio, inventintoj de la slavbulgara alfabeto. Preskaŭ 11 jarcentoj pasis for kaj tamen en la konscio de la dankoplenaj generacioj ilia verko ĉiam pli kaj pli leviĝas kiel majesta monumento kaj fortika citadelo de la nacia sendependeco de la bulgara popolo.

La problemo pri la nacia kulturo, pri ĝia konservo, evoluo kaj pluplantado estas problemo de ekskluzive granda signifo. La bulgara nacia kulturo, respegulata interalie en ĝia origina slava alfabeto, grave helpis al nia popolo trapasi la obskuran epokon de la greka intelektuala sklavigeco, la agresivan influon de la bizanca kulturo, 500-jaran turkan jugon, la konkeran politikon de la Germana imperiismo kaj, lastatempe, la „doktrinon" de la kosmopolitismo, kiu perfide celas senigi la popolojn de ilia nacia kultura originaleco por ebenigi la vojon de la moderna militema usona imperiismo.

La kreo de literaturo en la gepatra slava lingvo estis akto de mondhistoria graveco. Per ĝi en tiu malproksima epoko estis refutita la antaŭjuĝo, ke kulturo estas kreebla nur en unu el la tri lingvoj — greka, hebrea kaj latina. Ĝi do estis ideo eksterordinare demokrata — ideo pri la egalrajteco de ĉiuj homoj, sendepende de rasa kaj nacia aparteno kaj de lingva diferenco. Ĉi-tiu ideo estas akcentinda precipe hodiaŭ, kiam ankoraŭ daŭre ekzistas kolonia sklaveco kaj nacia subpremo, kiam la rasa diskriminacio en Usono estas fakto. Kontraŭ la iamaj reprezentantoj de la ideo pri la neegalrajteco de la popoloj Kirilo diris jenajn senmaskigajn vortojn:

— Ĉu ne pluvas egale sur ĉiujn? Ĉu la suno ne brilas super ĉiuj? Ĉu ni ĉiuj ne egale spiras la aeron?.. Kial vi ne hontas rekoni nur tri lingvojn, volante ke ĉiuj ceteraj popoloj kaj gentoj estu blindaj kaj surdaj?

La kreo de skribo kaj de libroj en slava lingvo faras novan epokon en la vivo de la slavaro, kiu kreas sian originalan kulturon kaj digne viciĝas apud la kulturaj nacioj. Verkistoj kiel Gogolj, Puŝkin, Tolstoj, Sienkiewicz, Ŝolohov, Vazov, Neruda, Wolker, Ŝenoa enportis en la trezoron de la mondliteraturo verkojn, sen kiuj ĉi tiu ne estus tiom riĉa. La moderna soveta kaj slava politika, arta, scienca kaj teknika literaturo estas la plej progresema kaj homeca en la mondo, ĝi estas por la slavaj kaj ĉiuj ceteraj popoloj neelĉerpebla fonto de scioj kaj sperto, ĝi estas vere imitinda ekzemplo por ĉiuj demokrataj, liberamaj kaj pacemaj homoj. Tiu ĉi literaturo estas grava faktoro por la solidigo kaj fortikigo de la internacia demokrata fronto de la paco, batalanta kontraŭ la imperiismo, milito kaj apliko de la atombombo.

*As. Grigorov*, Sofia

---

*notojn, ke estas „rompita la packontrakto". Kiam oni prezentas pruvojn, ke amerikaj diplomatoj estas organizantoj de spionado kaj reakcia konspiro, la amerika registaro rompas la diplomatajn rilatojn kun Bulgario, minacas kaj entreprenas perfortigajn agojn.*

*Acheson apelas al amerikaj satelitoj en Eŭropo unuigi siajn fortojn kontraŭ la „mondprovoko de la komunistoj". Por la imperiistaj rabistoj „provoko" estas mem la ekzisto de ŝtatoj kiuj defendas sian liberecon kaj sendependecon. Kaj „soveta agresio" ili nomas ĉion kio malhelpas la efektivigon de iliaj agresivaj planoj: la aliancon kaj intiman amikecon de la popolaj demokratioj kun ilia liberiginto kaj potenca protektanto Sovetunio; la mondan movadon por defendo de la paco; la kuraĝajn deklarojn, ke la popoloj en Francio, Italio, Germanio k. c. ne militos kontraŭ la sovetaj popoloj k. t. p.*

*Evidente ekzistas ne soveta agresio, sed unu rabista imperiisma agresio pri kies celoj la kapitalismaj ŝtatoj ĉefrunte kun Usono kreas militpolitikajn blokojn, amasigas armaĵojn, minacas per superatoma bombo kaj pretiĝas denove bruligi mondmiliton. Tiu militpolitiko ne estas manifestiĝo de interna forto. Des plie ĝi estas rezulto de konscio pri malforteco de la kapitalisma sistemo, de konvinkiĝo, ke la kapitalismo ne povas elteni la pacan konkuradon kun la socialismaj landoj kaj ankaŭ ke la historio mem laboras kontraŭ ĝi.*

*Antaŭ la timo pri la estonteco la imperiismaj faktoroj gvidas politikon de senprudenta aventurismo. Ili svenas pro milita histerio. Ili metis la sorton de la popoloj en la manojn de frenezaj generaloj, kiuj altiris kiel siajn konsilantojn la bankrotintajn hitleristajn militestrojn kaj jam faras provokojn kiel la invado en la sovetan aerspacon ĉe Libava.*

*Pro ĉio-ĉi la batalo en defendo de la paco disvastiĝas kaj ĝi estas gvidata per ĉiam pli decidaj rimedoj. En ĉiuj landoj daŭras la subskribado de la alvoko por malpermeso de la atoma armilo kaj por deklaro kiel militkrimulon ĉiun registaron, kiu unua utiligus ĝin. La heroa batalo en la havenoj de Francio, Holando, Italio k. c., kie la laboristoj gardas, ke oni ne permesu la deŝarĝon de amerika armilo, ankoraŭ daŭras.*

*La monda porpaca movado formiĝis kiel serioza faktoro, kiu ekscitas la furiozecon de la br..igantoj de nova milito, sed pri kiu faktoro ili ne povas esti indiferentaj.*

*Estas necese ke tiu movado ampleksu ankoraŭ pli larĝajn amasojn, plifortikiĝu organizacie kaj disvolvu konstantan aktivecon. La imperiistoj devas esti devigataj obei la volon de la centoj da milionoj da subskribantoj de la alvoko por malpermeso de la atoma armilo. Devas esti organizita movado por subteno de la heroa rezisto en la francaj, italaj k. c. havenoj.*

*Nur per decida batalo de la popolaj plimultoj povas esti savita la paco en la mondo. La komunistaj partioj ĉiuloke estas ĉefrunte de tiu batalo, kiu okupas centran lokon en ilia tuta nuntempa agado.*

*A. Azizjan*

# LENIN KAJ STALIN KREINTOJ DE SOCIALISMA ŜTATO

Antaŭ 80 jaroj je la 22 de Aprilo 1870 jaro estis naskita Vladimir Iliĉ Lenin — la kreinto de la Bolŝevika partio kaj de la soveta ŝtato, la granda gvidanto, instruisto kaj amiko de la laboruloj en la tuta mondo. Kun la nomo de Lenin estas ligita la komenco de nova epoko en la historio de la homaro. Genio de la revolucia penso kaj de la revolucia agado, homo kun nerompebla kaj ĉionvenkanta volo, kun senlima kredo en la kreaj fortoj de la amaso, kun sankta malamo al la sklaveco kaj la premado — tia estis Lenin. Tia li restos dum la jarcentoj en la memoro de la popoloj.

La genioj de la revolucio Lenin kaj Stalin kreis kaj stabiligis la sovetan ŝtaton, apogante sin sur la solidan bazon de la scienco, sur la marksismo-leninisman teorion — la unika scienca teorio pri la evoluo de la socio. La plej granda historia merito de Lenin konsistas en tio, ke en la lukto kun ĉiuj oportunistoj, kun ĉiuj malamikoj de la laboruloj li defendis kaj disvolvis la marksisman doktrinon pri la diktatoreco de la proletaro kaj prilaboris novan teorion pri la socialisma revolucio.

Multan tempon antaŭ oktobro 1917 j. Lenin disbatis la anarkiistajn teoriojn pri la „disfalo“ de la ŝtato kaj kune kun tio dementis la mensogajn asertojn de la ŝafarhundoj de la kapitalismo — la oportunistoj pri la senbrua kaj flua „enplantiĝo“ de la burĝa socio en la socialismon. Lenin nerifuteble pruvis, ke la socialisma konstruado povas esti efektivigota ne laŭ la vojo de kunpaciĝo kaj forigo de la klasaj kontraŭdiroj, sed laŭ la vojo de la nepaciĝema klasbatalo de la proletaro.

Bazante sin sur la sperto de la ambaŭ revolucioj en Rusio kaj elirante el la teorio de la marksismo Lenin malkovris la sovetan regpotencon kiel plej bonan kaj plej celkonforman politikan formon de la diktatoreco de la proletaro. Lenin difinis la diktatorecon de la proletaro kiel specialan formon de la klasa unuiĝo inter la proletaro kaj la laborula vilaĝanaro sub la gvidanta rolo de la laborista klaso. Lenin montris, ke la diktatoreco de la proletaro estas supera tipo de la demokratio en la klasa socio.

La antaŭvidaĵo de Lenin pri la pliakriĝo de klasbatalo post la transiro de la regpotenco en la manojn de la proletaro pruviĝis entute. Ĉiuj fortoj de la malnova mondo ekstaris kontraŭ la Sovetoj por ilin sufoki. Sed tiuj iliaj provoj finiĝis per plena malsukceso. La vivo komplete pruvis la vortojn de Lenin pri la neelĉerpeblaj fortoj, kiuj troviĝas en la Sovetoj kiel nova, supera formo de la demokratio.

Bazante sin sur plej profunda analizo de la imperiismo kaj ĝiaj kontraŭdiroj Lenin malkovris la leĝon pri la neregula ekonomia kaj politika evoluo de kapitalistaj landoj en la epoko de l' imperiismo kaj venis al la genia konkludo pri la venkebleco de l' socialismo en unu tute aparta lando.

Kamarado Stalin montras, ke sen tiu malkovro de Lenin la partio estus erarvaginta en mallumo, la proleta revolucio estus senigita de gvidantaro kaj la marksisma teorio estus komencinta velki.

Stalin disvolvis kaj konkretigis la doktrinon de Lenin pri la venkebleco de l' socialismo en aparta lando kaj per tio li preparis ideo-politike la landon kaj la popolon por konstruado de l' socialismo. Evoluigante la ideon de Lenin pri la peza industrio kiel materiala bazo de l' socialismo kaj la kooperativan planon de Lenin Stalin kreis genian programon por socialisma industriigo de la lando kaj por kolektivigo de la agraraj mastrumoj. Li prilaboris la vojojn kaj la metodojn por efektivigo de tiu historia programo kaj li senpere gvidis ĝian aplikon en la vivon.

Sub la gvidado de la komunista partio la Soveta popolo konstruis la socialisman socion. USSR transformiĝis je potenca industri-kolhoza ŝtato. Estis efektivigita vera kultura revolucio, estis kreita nova soveta popola inteligentularo, estis neniigitaj la ekspuatantaj klasoj.

Estis kreita forta multnacia ŝtato—modelo pri la justa solvo de la nacia demando.

Disvolvante la teorion de Lenin pri la socialisma revolucio Stalin faris la genian dedukton pri tio, ke komunismo povas esti konstruata ankaŭ ĉe la kondiĉoj de la kapitalista ĉirkaŭigo, ke la ŝtato konserviĝos eĉ dum la komunismo, se ĝis tiu tempo ekzistus kapitalista ĉirkaŭigo.

Dum la dua imperiista milito la soveta ŝtato eltenis la plej krudajn suferojn, ĝi finludis la decidan rolon ĉe la detruo de faŝista Germanio kaj de imperiista Japanio kaj ĝi plenumis la noblan taskon esti liberiginto de la eŭropaj popoloj elsub la faŝista jugo.

La inspiriga rolo de la Sovetunio por ĉiuj laboruloj en la mondo kreskas senĉese. Lenin esprimis sian plej profundan certecon en tio, „nia komunista ekonomia konstruado fariĝos modelo por la estonta socialisma Eŭropo kaj Azio“. Tiuj saĝaj vortoj de Lenin efektiviĝis. La lukto de la laboruloj el la landoj kun popola demokratio por konstruado de l' socialismo efektiviĝas ĉe sufiĉe pli favoraj kondiĉoj ol tiuj, kiuj ekzistis en USSR. En sia batalo por socialismo la laboruloj ne estas solaj, sed ili profitas la ĉiuflankan helpon de la soveta ŝtato.

La Sovetunio, defendanto de la paco kaj de la sendanĝereco en la tuta mondo, per sia firma kaj sinsekva ekstera politiko, bazita sur la principo de egalrajteco inter la grandaj kaj la malgrandaj ŝtatoj, kreas novajn vojojn por politika, ekonomia kaj kultura proksimiĝo inter la liberamaj popoloj kaj gajnas inter ili ĉiam pli grandan amon kaj estimon.

---

# La bulgaraj virinoj protestas

La estraro de la Bulgara popola uniĝo de virinoj sendis al la esplorjuĝisto en Parizo Peretz protestan telegramon kontraŭ la juĝpersekuto de s-ino Coton, prezidantino de la Tutmonda federacio de la demokrataj virinoj kaj konata esperantistino. En la telegramo estas dirite: „La bulgaraj virinoj kaj patrinoj esprimas sian profundan indignon pro la nekredeble kruela akuzo, direktita al s-ino Coton nur pro tio, ke la Unuiĝo de la francaj virinoj eldonis afiŝon kontraŭ la enigo de neplenaĝaj francaj junuloj en la ekspedician korpuson por la milito en Vietnam. Ni protestas plej energie kontraŭ la barbara akuzo al s-ino Coton kaj ni volas ke ĝi estu senprokraste retirita. Ni aliĝas unuanime al la batalo de la francaj virinoj, kiuj luktas kontraŭ la milito en Vietnam, por paco kaj por la rajto gardi la vivon kaj la feliĉon de iliaj infanoj.“

# V. I. LENIN EN LA REMEMOROJ DE M. GORKI

**UNU VESPERO EN MOSKVO. INTERPAROLO PRI TOLSTOJ „... KAJ TIAM LA MONDO VOLE-NEVOLE TRANSFORMIĜOS". UNU PORTRETO DE LA GENIA GVIDANTO DE LA PROLETA REVOLUCIO**

La kreinto de la soveta ŝtato, la granda gvidanto de la proleta revolucio Vladimir Iliĉ Lenin estis en intimaj rilatoj kun Maksim Gorki kaj ambaŭ konstante korespondadis. Vladimir Iliĉ treege ŝatis Gorki kaj lian verkadon ekde la 1905 jaro kaj taksis kiel grandsignifa lian partoprenon kiel artisto en la bolŝevika literaturo. Siaflanke ankaŭ Maksim Gorki ŝatis Lenin kaj admiris la genian gvidanton de la revolucio, kiu estis tiel modesta, ordinara kaj humana en siaj rilatoj kun la homoj.

En siaj rememoroj pri Lenin Maksim Gorki skribas interalie:

„Pentri lian potreton estas malfacile. Lia eksteraĵo tutplene konvenas al liaj paroloj kiel la skvamoj al la fiŝo. Li estis simpla kaj sincera kiel ĉio kion li parolis.

Lia heroismo tute malhavis eksteran brilon, lia heroismo similis la ofte renkontatan en Rusio asketan vagadon de la honesta rusa inteligentulo-revoluciulo, kredanta sincere, ke la justeco estas ebla sur la tero kaj rezignanta de ĉiuj ĝojoj en la mondo pro la peza laboro por la feliĉo de la homaro".

Unu nokton en Moskvo en la loĝejo de E. P. Peŝkova, aŭskultante la sonatojn de Beethowen ludatajn de Isaj Dobrowen, Lenin diris:

„Mi ne konas ion pli belan ol „Apassionata". Mi emas aŭskulti ĝin ĉiutage. Konsterniga, nehoma muziko! Mi ĉiam pensas kun fiereco, eble naiva, infana: — jen kiajn miraklojn povas fari la homoj!

Kaj kuntirinte la palpebrojn li ekridetis kaj aldonis malgaje:

„Sed mi ne povas aŭskulti muzikon ofte; ĝi efikas sur miajn nervojn kaj mi ekemas paroli karajn stultaĵojn kaj karesi sur la kapetoj la homojn, kiuj, vivante en malplura infero, povas krei similan belecon. Sed hodiaŭ neniun ni devas karesi sur la kapo — oni formordos nian manon — hodiaŭ estas necese bati sur la kapojn, bati senkompate, kvankam laŭ nia idealo ni estas kontraŭ ĉia perforto super la homoj. Hmm, — nia devo estas infere malfacila".

— — —

Li sidas ĉe la skribotablo en sia kabineto, skribas rapide kaj parolas ne levante la plumon for de la papero:

„Saluton, kiel vi fartas? Jen, mi tuj finos... Unu amiko el la provinco enuas, evidente — li estas laciĝita. Oni devas helpi al li. La bonhumoro — ŝi ne estas malgrava afero".

Sur la tablo kuŝas volumo de „Milito kaj paco".

„Jes, Tolstoj. Mi ekdeziris tralegi la scenon pri la ĉaso, sed mi rememoris ke mi devas skribi al mia amiko. Kaj mi tute ne havas tempon por legado. Apenaŭ ĉi-nokte mi tralegis vian libreton pri Tolstoj."

Ridetante kaj mallarĝigante la okulaperturon li kun ĝuo kuŝiĝis en la apogseĝo kaj rapide daŭrigis per malaltigita voĉo:

„Kia roko, he! Kiel granda homego... Jen tio estas pentristo, mia frateto... Kaj — ĉu vi scias ankoraŭ kio alia konsterniga ekzistas ĉe li? Lia vilaĝana voĉo, lia vilaĝana penso, la vera vilaĝano en li. Antaŭ tiu grafo en nia literaturo ne ekzistis vera vilaĝano".

Poste, rigardante min, li demandis:

„Kiu en Eŭropo povas egali al li?

Kaj li mem respondis:

„Neniu".

Kaj frotante la manojn, kun kuntiritaj palpebroj, li ekridetis kontenta.

Ni ofte rimarkis ĉe li trajton de fiereco pri Rusio, pri la rusoj, pri la rusa arto. Kelkiam tiu trajto ŝajnis al mi strange fremda al Lenin, kaj eĉ naiva, sed poste mi ekpovis trovi en ĝi honteman eĥon de profunde kaŝita ĝoja amo al sia popolo.

— — —

Foje, mi memoras, mi estis ĉe li kune kun tri membroj de la Akademio de la sciencoj. La interparolo koncernis la nesesecon de reorganizado de unu el la superaj sciencaj institucioj en Peterburg. Adiaŭante la scienculojn Lenin kun kontentemo diris:

„Tion mi komprenas. Tio estas saĝuloj. Ĉio ĉe ili estas simpla, ĉio estas formulita severe; oni tuj vidas, ke ili bone scias kion ili postulas. Labori kun tiaj homoj estas vera plezuro. Speciale al mi plaĉis tiu...

Li eldiris unu el la grandaj nomoj de la rusa scienco, kaj la sekvantan tagon li jam diris al mi pertelefone:

„Demandu Z. ĉu li venos labori kun ni?"

Kaj kiam Z. akceptis la proponon tio sincere ĝojigis Lenin kaj frotante la manojn li ŝercis:

— Jen tiel, unu post alian, ni altiros ĉiujn rusajn kaj eŭropajn Arkimedojn kaj tiam la mondo vole-nevole transformiĝos...

Kun egala entuziasmo li povis ludi ŝakon, foliumi la „Hisforion de la kostumo", longajn horojn disputi kun amikoj, fiŝĉasi per hoko, promeni sur la ŝtonozaj vojetoj de Capri, ardigitaj de la suda suno, ĝui la orajn kolorojn de Dreck kaj ĝurigardi la malpurajn infanojn de la fiŝkaptistoj. Kaj vespere, aŭskultante la rakontojn pri Rusio, pri la vilaĝo, li envie sopiris: „Sed mi tiel malmulte konas Rusion. Simbirsk, Kazan, Peterburg, la ekzilo — jen tio estas preskaŭ ĉio".

Li ŝatis la humoron kaj ridis per sia tuta estaĵo; li efektive skuiĝis pro rido, kelkiam ĝis larmoj. Al la mallonga karaktera interjekcio „hm-hm" li povis aldoni senfinan gamon de nuancoj — ekde mordanta ironio ĝis singardema dubo, kaj ofte en tiu „hm-hm" sonis akra humoro komprenebla nur de homo sufiĉe akrevida.

— — —

Liaj movoj estis facilaj kaj lertaj, kaj la ŝparema sed forta gesto tute harmoniis al lia parolado, same tiel ŝparema je vortoj, sed riĉa je pensoj. Kaj sur lia vizaĝo flamis, moviĝis tiuj akraj okuloj de senkompata persekutanto de la mensogo kaj de la malfeliĉo en la vivo; ili ardis kun okulfermiĝo, okulumo, kun ironia rideto fulmante pro kolero. La brilado de tiuj okuloj estigis lian paraladon ankoraŭ pli pasia kaj timige klara. Kelkiam ŝajnis ke la nekvietigebla energio de lia spirito ŝpruĉigas fajretojn el liaj okuloj, kaj la vortoj saturitaj per ĝi brilas en la aero...

# LENIN PRI LA KULTURO

„Nia — la soveta literaturo ne timas akuzojn pri tendencemo... Jes, la soveta literaturo estas tendenca, ĉar en la epoko de la klasbatalo ne ekzistas kaj ne povas ekzisti senklasa, sentendenca, senpolitika literaturo". En tiuj kuraĝaj veroplenaj vortoj de Lenin estas enŝlosita la fera neforigebla principo pri la partieco en la literaturo kaj ĝenerale en la arto — la plej valora kontribuo de V. I. Lenin en la trezorejo de la marksismo-leninisma estetiko. Por li la kulturo kaj la arto ne povas esti senpartiaj, superklasaj, kiel provas mistifiki la burĝaj teoriuloj. La kulturo kaj la arto havas la taskon ludi gravan rolon en la socia vivo; ili estas grava konsistiga parto en la komuna proleta afero; ili ne devas esti subvalorigataj kaj vualigataj malantaŭ la parfumita kurteno de la falsa „l' art pour l' art". Lenin difinas la destinon de la arto (en unu el liaj interparoloj kun Klara Zetkin — „Rememoroj pri Lenin", 1933), tiel: unuigi la pensojn, la sentojn kaj la volon de la amasoj kaj ilin levi; esti ĉiam frunte al la problemoj de la vivo, de la homaj luktoj kaj klarigi ilin el revolucia vidpunkto.

Prilaborante la demandojn de la kulturo Lenin ne malagnoskis la malnovan burĝan kulturon en ĝiaj plej bonaj manifestiĝoj. Per genia maniero kaj per klasika klareco li trakritikis ĝin kaj, trovinte en ĝi multajn pozitivajn kaj utilajn por la proletaro elementojn, li kritike profitis ĝiajn atingaĵojn kaj montris vojojn por kreo de nova socialisma kulturo. „La nova proleta kulturo, skribis Lenin dum 1920 jaro, ne estas elpensaĵo, sed disvolvo de la plej bonaj modeloj, tradicioj kaj rezultoj de la ekzistanta kulturo el la vidpunkto de la mondkoncepto de la marksismo kaj de la vivkondiĉoj kaj luktoj de la proletaro dum la epoko de ĝia diktatoreco. Sed ŝati kaj „gardi la heredaĵon, tio tute ne signifas kontentiĝi per la heredaĵo". Kaj Lenin montris laŭ kiaj vojoj devas disvolviĝi en estonteco la socialisma kulturo por plenumi sian destinon, kaj li kontraŭbatalis la iamajn „proletkult"-ulojn en Sovetunio post la revolucio, kiuj unuflanke kaj hereze malagnoskis la tutan pasintan homan kulturon.

En tiu senco ekstreme signifoplenaj estas la paroloj de V. I. Lenin pri la pentrarto kaj la skulptarto. „La belo devas esti konservita — diris li; ni prenu ĝin kiel modelon; ĝi estu elirpunkto eĉ kiam ĝi estas „malnova". Kial ni devas forpuŝi la vere belegan arton, kial ni devas malagnoski ĝin kiel elirpunkton por plua disvolviĝo nur pro la motivo ke ĝi estas malnova". Tiu koncepto difinas ankaŭ la progreseman, historie profundigitan kaj regulan esencon de liaj estetikaj konstatoj.

Sed batalante en la senco de nekvietigebla klasbatalo por nova proleta internacia arto Lenin opinias, ke ĉiu kulturo laŭ sia formo estas nacia. Por li „la internacia kulturo ne estas sennacia... en ĉiu nacia kulturo ekzistas, kvankam nedisvolviĝintaj, elementoj de demokrata kaj socialisma kulturo, ĉar en ĉiu nacio ekzistas laborula kaj ekspluatata amaso, kies vivkonduĉoj neeviteble naskas demokratan kaj socialisman ideologion. Starigante la lozungon pri internacia kulturo antaŭ la demokrataro kaj la tutmonda laborista movado, ni prenas el ĉiu nacia kulturo nur ĝiajn demokratajn kaj socialismajn elementojn kaj ni prenas ilin ekskluzive nur kiel kontraŭagon kontraŭ la burĝa kulturo, kontraŭ la burĝa naciismo..." Tiamaniere Lenin solvis korekte ankaŭ la demandon pri la naciaj kulturoj kaj li mem kreis — kune kun la genia daŭriganto de lia afero Stalin — tian nacian politikon en Sovetunio, kiu permesis la ekzistadon de nacia kulturo purigita de reakciaj mistifikoj kaj de burĝa naciismo, kiu kulturo povu servi por la klerigo de la vastaj laborulaj amasoj kaj samtempe povu esti komprenebla kaj proksima al ĉiuj laboruloj en la mondo. Tiu konstato de Leuin estis brile pruvita en la Sovetunio, en la soveta kulturo.

En siaj paroloj kaj artikoloj pri L. N. Tolstoj, pri Herzen, Turgenev, Nekrasov kaj Gorki Lenin mem donis modelojn pri konkreta apliko de la principoj de la marksismo-leninisma estetiko, de la militanta bolŝevika partieco en la arto kaj la kulturo.

En la tago de la okdekjara datreveno de lia naskiĝo la multenombraj teoriaj opinioj kaj paroloj — en libroj kaj artikoloj — de V. I. Lenin pri la esenco kaj la taskoj de la arto ĝenerale kaj de la nova socialisma kulturo kiel faktoro en la batalo por konstruo kaj stabiligo de la granda socialisma socio estas ciam vivaj, mobilizantaj kaj senĉese pruvataj en la vivo.

# Kvarcent milionoj da ekzempleroj en la lingvo de 119 nacioj

### LA JARA LIBROPRODUKTO DE LA SOVETUNIO

En la jaro 1949 aperis en Sovetunio 479 politikaj kaj sociaj verkoj en 29 milionoj da ekzempleroj, 482 literaturaj en 52 milionoj, 472 junularaj en 33 kaj duono da milionoj, 8000 teknikaj, fizikaj kaj matematikaj en 100 milionoj, medicin-sciencaj en 18 milionoj da ekzempleroj. Ensume 232 kaj duono da milionoj da libroj.

En 1950 la libroeldonado de Sovetunio multe progresos kaj superos la ĝisnunan: Sole la centraj kaj respublikaj eldonejoj metos 27,000 diversajn librojn je dispono de la laborantaro. La suma ekzempler-nombro estos pli ol 400 milionoj. La verkoj aperos en la 119 lingvoj de Sovetunio. Inter ili estos ankaŭ verkoj de alilandaj veskistoj, kiel ekzemple: Balzac, Dreiser kaj Petöfi. Oni eldonos ankaŭ 260 plej bonajn verkojn de nuntempaj rusaj verkistoj.

Tio pruvas la gvidpostenon de la soveta kulturo kaj la alta taksado de ĉiu nacia kulturo. En Sovetunio oni zorge flegas la lingvon de la plej eta nacio, kiu dum la cara reĝimo eble eĉ propran literaturon ne havis. Tiuj ĉi lingvoj nun fariĝis kulturlingvoj!

Sovetunio edukis tradukistojn por ĉiuj kulturlingvoj kaj eldonas ĉiam verkojn kaj sciigojn en tiuj lingvoj, kiuj esjas konsiderataj gravaj kaj necesaj, por konigi ĉe la koncerna nacio la sovetan kulturon kaj progreson. Ni povas do kompreni, kial oni ne zorgas nuntempe pri Esperanto, per kiu oni povas atingi — kvankam preskaŭ en la tuta mondo — efektive entute nur kelkdekmilojn da seriozaj legantoj. Esperanto devas ankoraŭ multe evolui kaj disvastiĝi, por esti konsiderata ne nur amatora tempopasigilo, sed egalranga rimedo kaj batalilo por disvastigi progreson kaj socialismon.

Tion devus energie akceli la tutmonda esperantistaro kiu uzas la lingvon plejparte nur por amuzado, vojaĝado, leter- kaj poŝtmarkinterŝanĝo. Per Esperanto devus realiĝi la vortoj de Stalin: „Ni fortigu la internaciajn amikajn rilatojn kun la laborantoj de ĉiuj landoj, kies intereso estas la paco kaj la amikeco inter la popoloj!"

*P. Balkányi*, Budapest

# La partopreno de la bulgaraj virinoj en la porpaca batalo

La tutpopola movado por paco ĉe ni disvastiĝas kaj ampleksas ĉiujn urbojn kaj vilaĝojn en nia lando. Precipe potence ĝi disvolviĝis post la registara deklaracio ampleksante la laborulojn el ĉiuj fabrikoj kaj laborejoj, kulturaj kaj administraj oficejoj kaj atingante ĝis la lasta dometo de nia lando.

Ĉie en niaj floraj vilaĝoj kaj urboj eksonis la ĝojo de la liberaj kaj egalrajtaj laborulaj virinoj kaj patrinoj.

„Ricevinte egalrajton ili dekobligis siajn penojn en ĉiuj regionoj de la politika, ekonomia kaj socia vivo de nia lando, la virinoj fariĝis granda kreanta forto de nia popolo" ne unifoje diris nia amata majstro G. Dimitrov.

Ĉe la preparo de la nacia porpaca kongreso okazinta la 3-an de Aprilo 1949 la virinaj societoj aranĝis 3116 kunvenojn, 33 amaskunvenojn, 496 manifestaciojn, ili eldonis dekmilojn da alvokoj kaj flugfolioj, kaj en la tago de la kongreso ili efektivigis 2644 solenajn kunvenojn kun paroladoj pri „la porpaca batalo". En la kongreso porpaca estis senditaj multaj virinoj delegitinoj.

La manifesto de la tutmonda virina federacio estis eldonita kaj disvastigita bulgarlingve en 50,000 ekzempleroj. Estis eldonitaj ankaŭ multaj broŝuroj kaj raportoj kiel: „La demokrataj virinoj de la mondo en la batalo por la paco kaj demokratio" en 50,000 ekz. — „La grekaj virinoj en la batalo por paco, libero kaj sendependeco" kaj aliaj. Radio Sofia regule dissendas informojn donitaj de la Bulgara virina organizaĵo pri la paco, pri la taskoj de la virinoj ĉe la plenumo de la kvinjara ekonomia plano.

La 8-a de Marto, la batalfesto de la virinoj antifaŝistinoj, estis festita ĉi jare ankaŭ sub la lozungoj: „Por la paco, por la vivo, por la feliĉo de niaj infanoj kontraŭ la milito kaj la mizero", „Por paca laboro kaj plibonigo de la vivnivelaj kondiĉoj sur la vojo de la konstruado de la socialismo, kontraŭ la armigado, por la kvinjara ekonomia plano."

Potencan puŝon en la porpaca batalo donis la deklaracio de nia popola registaro en februaro ĉi jare. Al tiu registara alvoko la bulgaraj virinoj el ĉiuj tavoloj respondis per plenumo de siaj taskoj. En la porpaca batalo la organizitaj virinoj estis unuaj. La virinaj organizaĵoj densigis siajn vicojn, aktiviĝis la gvidantinoj de la societoj, oni ellaboris programojn, estis eldonitaj centoj da agit-materialoj, alvokoj, lozungoj, murgazetoj, vitrinoj, standardoj, kiuj donis novan aspekton de la stratoj en urboj kaj vilaĝoj.

La majaj solenaj kunvenoj estis vizititaj amase de la virinoj kaj de la viroj.

„La paco devas esti konkerita!" — tiuj vortoj diritaj de k-ino Nina Popova estis pritraktataj en kunvenoj kaj amuz-laborvesperoj. Sed niaj virinoj ne nur ilin ripetas. Por nia laboristino, por nia vilaĝanino, por la intelektuloj kaj por la dommastrinoj estas klare, ke la pacon ni povos akiri nur kiam ni fariĝos ekonomie fortaj. Tion ni povas atingi kun la solvo de nia ĉiutaga ekonomia tasko, kiun la virinoj ĉe ni plenumas konscie.

Honore al la paco la laboristinoj komencis en la tuta lando laborkonkuradon por pli granda produktado, por pli alta kvalito kaj trapaso al multmaŝina laboro. La virinoj vilaĝaninoj aktive partoprenis la semadon. Ili scias ke la plej forta frapo kontraŭ da milito kaj ĝiaj inspirantoj estas la certigo de la pano por la popolo, kaj ili diris: „Honore al la paco ni purigos ĉiujn semojn", kaj miloj da virinoj el la vilaĝoj deĵoris en la semopurigaj stacioj kaj per sia ekzemplo ili aktivigis la virojn. La turkinoj el la regiono de Kârĵali salutis la laboristinojn el la tabakaj fabrikoj honore al la paco kaj interalie ili diris: „Ni semos pli da tabako kaj vi ĝin prilaboros, kaj tiamaniere ni kune pligrandigos la kvanton, ni plibonigos la kvaliton, kaj ni certigos la pacon."

Precipe aktivaj kaj persistaj en sia laboro estas la virinoj el la labor-kooperativaj mastrumoj. La virinoj unuaj proponis la iniciaton pri la amasigo de la labor-kooperativaj mastrumoj. Ili pligrandigas la produktadon, ili konstruas la socialismon en nia vilaĝo, plifirmigas nian patrujon, liberigita kun la helpo de la potenca Sovet-Unio, ili batalas kontraŭ la bruligantoj de nova milito, ili gardas la pacon.

Oficistinoj, dommastrinoj, intelektulinoj ĉiuj plenumas la donitajn promesojn, subtenas la reformojn de la Patrolanda fronto, plifirmigas la pacon en sia patrujo, gardas la tutmondan pacon.

En ĉiuj kunvenoj virinaj, en ĉiuj amuzlaborvesperoj oni tralegis la raportojn: „La decidoj de la sesio de la internacia virina federacio en Moskva", „La kongreso de la aziaj virinoj en Peking", „La batalo de la italaj virinoj por paco", „La porpaca batalo de ĉiuj virinoj en la mondo" kaj unualoke estas substrekita la ekzemplo de niaj fratinoj en Sovet-Unio, kiujn ni nedeflankiĝante kaj persiste sekvas.

Tradukis: ***Tinka Lakova***

---

## HIPOTENSIO

Hipotensio estas nomata la subnormala (malpliigita, malaltigita) sangopremo. Ordinare la hipotensio estas simptomo de malsaniĝo. Ĝi estas konstatata ĉe homoj kun malforta (malsana) koro, ĉe anemiuloj, ĉe malfortiĝintaj pro malsanado personoj, ĉe suferantaj pro kronikaj stomak-intestaj, febraj, hepataj, infektaj k. a. malsanoj. Sed ekzistas ankaŭ tute sanaj kaj laborkapablaj homoj, kiuj havas hipotension (2·5 — 3·3 % de la tuta loĝantaro).

Pri hipotensio oni parolas kiam la sangopremo malaltiĝas sub 105 mm Hg por la viroj kaj sub 100 mm Hg por la virinoj. Normale ĉe sanaj homoj la sangopremo egalas ciferon, ricevita de la nombro de la aĝjaroj plus 100.

Ordinare la sangopremo malaltiĝas post dormo, post banado, post akcepto de kelkiaj medikamentoj (jodo, arseno, nitritoj). Hipotension montras ankaŭ sportistoj, sed nur dum la periodoj kiam ili ne sportas. La fizika agado, la peza fizika laboro, la kurado, la gimnastikado kaj alia sporta agado plialtigas la sangopremon. La ĉinoj, la negroj, la hindoj kaj la malajanoj havas pli malaltan sangopremon ol la eŭropanoj. Somere la sangopremo estas pli malalta ol vintre.

## ERITRINO

Eritrino estas nomata la malkovrita de la sovetaj scienculoj Silber kaj Jakobson substanco, kiu povas ne nur ĉesigi la disvolviĝon de la difteria bacilo, de kelkaj specoj da streptokokoj kaj de aliaj patogenaj mikroboj, sed povas ankaŭ neniigi ilin. Eritrino troviĝas en la eritrocitoj de la homa sango. Metita sur la infektitaj de difterio lokoj tiu substanco rapide mortigas la difteriajn bacilojn kaj per tio forigas tiun danĝeran infanan malsanon.

*Mirza Ibrahimov*

# EN POPOLA ALBANIO

(vojaĝnotoj)

Albanio estas riĉa lando. Ĝia grundo estas fekunda; ĝi donas al la vilaĝano oran tritikon, tabakon, terpomojn kaj mirindajn fruktojn. En la sinoj de la albana tero troviĝas nafto kaj valoraj metaloj. Malgraŭ tiuj naturriĉaĵoj kaj malgraŭ la laboremo de la popolo Albanio estis ĝis la lastaj jaroj la plej malprogresanta feŭdo- patriarkeca lando sur la Balkano. Tia estis la rezulto pro la dominado de la turkaj, italaj, germanaj kaj aliaj okupantoj — ĉasantoj de fremda havaĵo. Ili rabadis Albanion. Ili forportadis ĉion, kio estis produktata fare de la peza laboro de ĝia popolo. La laborantaj vilaĝanoj de Albanio ne sciis kio estas lernejo. Sian tutan vivon ili pasigis en bezono kaj mankoj.

Dum longaj jarcentoj la albana popolo revis esti posedanto de sia patrolando. Ĝiaj koraj revoj efektiviĝis apenaŭ nun, en la nuntempo. La venko de la Soveta armeo super la faŝistaj krimuloj donis liberecon ankaŭ al la albana popolo.

Dum nia estado en Albanio ni ĉie vidis kortuŝajn manifestaĵojn de la senlima kora amo kaj dankemo al la granda Stalin, kiu donis liberon al la eŭropaj popoloj inkluzive al la albana kaj montris la vojon al feliĉa vivo.

## *KONTUROJ DE GRANDA ESTONTECO*

La konturoj de granda estonteco jam estiĝas videblaj. La tuta lando vivas en kreanta laboro. En Tirana la lernantoj kaj la loĝantaro kreis novajn parkojn. Kiam ni troviĝis tie oni preparis la inaŭguron de unu el tiuj parkoj. Infanoj plantis arbojn, tavoligis aleojn per rivera sablo, kantante kantojn de la libereco. Grupo da junaj konstruantoj de la granda teksaĵfabriko „Stalin" estiĝis venkinto en la laborkonkurado. Stariginte la venkoflagon super sia laborregiono la junaj konstruantoj kantis. Kaj la vortoj de tiu kanto parolis:

— Ni laboras por ni mem; ni kreas novan Albanion!

Similan entuziasmon ni vidis ĉe la naftaj instalaĵoj de Kuĉevo. La laboristoj de tiuj instalaĵoj sindone laboras por superefektivigi la planon.

— Nia lando estas malfruiĝinta. Ni devas ĝin konstrui kaj gvidi antaŭen!

Kun tiaj sentoj kaj pensoj lernas ankaŭ la infanoj de Albanio. En la urbo Krue, kie naskiĝis dum XV jarcento kaj dum dudek jaroj gvidis la liberigan lukton kontraŭ la turkaj okupantoj la popola heroo Ceorgi Kastriot Skenderbeg, ni interparolis kun la lernantoj. Per kia inspiro kaj kun kia amo ili deklamis versaĵojn pri la nova renaskiĝinta Albanio.

Ĝis la lastaj jaroj la albanaj vilaĝanoj ne estis vidintaj traktoron kaj aliajn agrokulturajn maŝinojn. La grundo estis laborata laŭ plej primitivaj metodoj — per antaŭdiluva plugilo; eĉ ĝia soko estis ligna. Nun, kiam la albana vilaĝano rigardas la potencajn traktorojn, plugantajn la grundon, lia koro pleniĝas per fiereco; antaŭ li malkovriĝas mirinda estonteco.

En norda Albanio, en la limanta kun Jugoslavio vilaĝo Dobraĝ ni vizitis agrokulturan kooperativon. Kiel prezidanto de la kooperativo laboras la eksservisto kaj partizano Riza Omar. En la kooperativo unuiĝis proksimume 75 agrobienoj. La kolektiva laboro elradike ŝanĝis la vivkondiĉojn de la vilaĝanoj kaj savis ilin de eterna bezono kaj malfeliĉo. Dum la pasinta jaro multaj kooperativanoj ricevis tian kvanton de ĉiuj produktaĵoj, pri kia ili eĉ ne kuraĝis revi antaŭe.

Ni trarigardis la vastan kaj lumozan lernejan konstruaĵon kun pargeta planko — la unua domo en la vilaĝo konstruita de la kooperativo. La vilaĝanoj de Dobraĝ donas al tio simbolan signifon:

— Kune kun la kooperativo venis en nian vilaĝon la lumo de la scienco!

## *NI DEFENDOS LA PACON*

Kiam oni vidas ĉion ĉi per siaj propraj okuloj estiĝas klare kial la albana popolo tiel arde kaj decide montras sian pretecon defendi la pacon.

Dum la tagoj de la Nacia kongreso pri la paco la labora entuziasmo kaj la kreeca aktivemo de la laboristoj kaj vilaĝanoj en Albanio riveliĝis per nova forto. La laboristo el la fervoja konstrusekcio — la ŝturmulo Adem Ismail diris en sia parolado:

— Ni scias, ke por la firmigo de la paco en la tuta mondo oni devas labori ankoraŭ pli bone. Ni scias, ke la plialtigo de la laborproduktado montriĝos kiel plej forta frapo super la bruligantoj de milito. Kaj pro tio miaj kamaradoj komisiis al mi sciigi al la kongreso, ke ni nin ŝarĝis per novaj produktadpromesoj kaj ke ni efektivigos tiujn promesojn kun honoro.

La homoj portantaj en siaj koroj amon al la paco kaj al la paca konstrua laboro, la homoj revantaj pri pli feliĉa estonto anatemas la bruligantojn de nova milito! Ĉiu albano, la tuta laboranta albana popolo estas ekkaptita de neŝanceligebla kredo pri la triumfo de la porpaca afero. Pri la mizeraj dungitoj de la imperiismo — la Tito-anoj la albana popolo parolas kun malestimo:

— Satfuriozu la Tito-anoj! Sed malgraŭ la malnobla perfido kaj krimoj de la Tito-anoj la popol-demokrata Albanio estis kaj estos potenca faktoro de la paco sur la Balkano. Nenia forto povas deflankigi nin desur la vojo al demokratio kaj socialismo.

La nova Albanio estas fidela kaj sindona al la ideo pri interpopola frateco. La grekoj loĝantaj en la suda parto de la lando sin sentas egalrajtaj membroj de unueca, nerompebla komuna familio. Ili havas proprajn lernejojn greklingvajn, propran grundon. Al ili estas garantiita laboro. Tiuj grekoj malamas la monarkofaŝistojn — la sufokantojn de la liberiga movado de la greka popolo, provokantaj sangajn incidentojn sur la limo kun Albanio.

## *KONSTRUADO*

Sur glata asfaltita vojo ni malproksimiĝas de Tirana. Jen, antaŭ nia rigardo malkovriĝas vasta panoramo de granda konstruado. Tie-ĉi oni konstruas teksaĵfabrikon nomita Stalin. Ĝuste apudvoje stariĝas kelkaj grandaj konstruaĵoj kun larĝaj fenestroj. Inĝeniero, kun malbutonumita flava leda jako, kun botoj kaj iom polvoza koltuko montris al ni tiujn konstruaĵojn:

— Jen la ĉefaj korpopartoj de la fabriko. Baldaŭ ni komencos munti la maŝinojn.

Kun simpleco, karaktera por la homoj de la laboro kaj ampleksante per ama rigardo la tutan grandegan

surfacon de la konstruado li montras la konstruaĵojn starantajn maldekstre de la vojo:

— Kaj tio estas loĝdomoj por la laboristoj kaj la oficistoj de la fabriko.

Ni rigardas la vicojn de la duetaĝaj domoj. En ĉiu du- aŭ triĉambra apartamento de tiuj domoj estos ĉiuj kondiĉoj por bona vivo: banejo, kuirejo, klozeto. Balkonojniĉoj ebligos la loĝantojn sin protekti de la ardanta somera suno de Tirana. Kun vervo la inĝeniero rakontas pri la estonta fabriko. Ĝi estos unu el la potencaj objektoj de la albana socialisma industrio. Unu el la agantoj de la albanaj profunuiĝoj parolas kun sento de profunda dankemo:

— Ĉio-ĉi estiĝis ebla dank'al la senprofitema kaj nobla helpo de la Sovetunio.

## *SUR LA VOJO DE LA SOVETA HOMO*

La tuta albana popolo multe interesiĝas pri la vivo kaj la lukto de la soveta popolo. Al la granda historia eksperimento de la soveta popolo ĝi rigardas kiel al vera lernejo por revolucia transformigo de sia vivo. La nomoj de niaj stahanovanoj-novatoroj, kolhozanoj, laboristoj kaj progresemaj sciencistoj kaj verkistoj estas vaste popularaj inter la popolaj amasoj de Albanio.

Unu el la bibliotekistoj en Tirana diris al ni, ke la libroj, dediĉitaj al la vivo kaj la lukto de la soveta popolo, estas la plej ŝatataj de la albanaj legantoj:

— Verkoj, kiuj malkovras la spiritan mondon de la soveta homo kaj montras lian heroecon kaj abnegacion, tiaj verkoj estas necesaj al ni. La legantoj postulas de ni similajn librojn, ĉar la albanoj, konstruantaj la socialismon, vidas, ke ili devas trairi tiun vojon, kiun tiel sukcese trairis la popoloj de la soveta lando. Ili volas direkti rigardon antaŭen, al la estonteco, kaj vidi kiaj ili estos post kvin, post dek jaroj.

Je la 7 de Marto sur la placo „Skenderbeg" en Tirana estis kunvokita granda amaskunveno. Kolektiĝis proksimume 50 miloj da homoj. Inter li estis ankaŭ loĝantoj de la najbaraj vilaĝoj. La laboristoj el la fabrikoj kaj la uzinoj venis sur la placo kun lozungoj kaj propagandtabeloj, kiuj kondamnis per malhonoro la militbruligantojn kaj apelis al defendo de la paco. Miloj da homoj levis alte super la amaso portretojn de k. Stalin, dekoritajn per freŝaj printempaj floroj. El ĉiuj flankoj aŭdiĝis vokoj: „Vivu la paco", „Vivu la socialismo", „Vivu la libera popola Albanio", „Gloron al nia granda amiko, la Sovetunio"! Kaj ĉio-ĉi atingis sian majestan apogeon en la unueca potenca krio de la kvindekmila amaso:

— Sta-lin! Sta-lin! Sta-lin!

La lasta oratoro finis sian paroladon. La suno malaperas. Kaj super Tirana, kiu estas ĉirkaŭita de tri flankoj per montoj, falas la vesperaj ombroj. La amaso disiras. Kaj jen, en la centro de la placo granda grupo da junuloj komencas kanti la sovetan „Kanto pri la patrujo".

„Vasta estas mia patrolando" — eĥas tiu-ĉi kanto en la granda placo. Kaj tie alia grupo kantas pri Moskva. Kaj tiel multsignife sonas tiuj sovetaj rusaj kantoj, ke aŭskultante ilin oni sentas la fieran batadon de sia koro — koro de civitano de la granda lando — la lulilo de la socialismo.

## *LA ALBANA VIRINO*

Estas siaspeca ĝojo vidi la albanan virinon ekkaptita de krea inspiro, ĉar la albanaj virinoj suferis sub triobla jugo — ili havis nek politikajn, nek civitanajn rajtojn. Tie ĉi ĝis la lastaj jaroj regis la malaminda turka vualo, kiu senigis la virinojn de suna lumo. Nun la filinoj de Albanio estas egalrajtaj civitanoj de sia lando kaj aktive partoprenas en la socia vivo.

En la vilaĝo Dobraĝ oni kondukis nin al egziĝfesto. La korto de la domo, kiu similis al longigita kvarangulo, estis plena per virinoj. En la korto sub aperta ĉielo kelkaj fraŭloj ludis popolajn melodiojn per albanaj naciaj instrumentoj. La ĉirkaŭstarantaj junuloj kantis kune kun grupo da junulinoj. Post tio komenciĝis dancoj.

La patro de la junedzino, simpla sed aminda 67-jara maljunulo, en kies okuloj ankoraŭ brilis vivoflamo, eksciinte ke ni estas el Sovetunio, eklarmis pro la elŝprucinta ĝojo.

— Ni ŝuldas nian feliĉon kaj liberon al la granda Stalin, diris li kun ekscito. Li savis nin elsub la jugo de la fremduloj.

Al la maljunulo proksimiĝis civile vestita mezaltstatura virino. La prezidanto de la kooperativo kaptis ŝin je la mano:

— Interkonatiĝu, — diris li — ŝi estas mia edzino. Post tio per ŝerca tono li turnis sin al ŝi:

— La kamaradoj ekpensos, ke mi tenas vin sub turka vualo.

— Ne, decide diris la virino, neniu povas devigi nin denove meti la vualon.

## *AMIKECO INTER LIBERAJ POPOLOJ*

Dum la pasinto en Albanio estis nek unu supera lernejo, nek unu muzeo. Nun en Tirana estas establitaj supera pedagogia lernejo, muzeo por historio de la revolucio kaj muzeo de la artoj. Ĉio ĉi naskigas ĉe la albana popolo kaj ĉe la junularo de Albanio novajn sentojn, novajn interesojn. Ili lernas ne nur la plej riĉan kulturon, historion, lingvon kaj revuluciojn de la granda rusa popolo, sed montras eksterordinaran intereson ankaŭ al la historia lukto, al la pasinta kaj nuntempa vivo de ĉiuj popoloj de Sovetunio. Ili direktis al mi dekojn da demandoj pri la pasinto de la aserbajĝana popolo, pri ĝia lukto kontraŭ la turkaj kaj persaj okupantoj, pri la kulturo kaj literaturo kaj pri la maniero, laŭ kiu dum la jaroj de la soveta regado post la likvido de la mezjarcenta primitiveco Aserbajĝanio transformiĝis je progresema kaj modela socialisma respubliko. En Albanio estas sufiĉe da homoj, kiuj konas la verkojn de Nizami kaj de Mirza Fatali Ahundova.

Ni jam preparis nin forveturi el Tirana kiam komenciĝis la tagdeko de amikeco inter Albanio kaj Hungario.

En la ekspozicio la hungaroj elmontris siajn sukcesojn en la lukto por socialismo. La albanoj sincere ĝojis pri la venkoj de la hungara popolo kaj per speciala atento pristudis la sperton de siaj amikoj kaj siaflanke konatigis al ĝi siajn atingaĵojn. La tagdeko de amikeco inter ambaŭ liberaj popoloj transformiĝis je brilanta demonstracio de la unueco inter la popoloj kun popola demokratio, ekirintaj sur la vojo por konstruado de socialismo, je demonstracio de la senlima amo kaj fideleco al la Sovetunio kaj al la patro de la popoloj — kamarado Stalin. En la mondo ne ekzistas forto kapabla detrui tiun unuecon kaj neniigi tiun eternan amon kaj fidelecon. Kun tia sento post dektaga restado ni forveturis el la gastema Albanio.

El la rusa tradukis: ***Z. Z.***

*S. Kaftanov*

# Sovetunio — la lando de la plej progresiva kulturo

Sub la gvidado de la Komunista partio ĉefrunte de k-do Stalin dum mallonga historia limtempo la soveta popolo transformis sian landon en potencan industri-kolĥozan ŝtaton, kreis ĉiujn kondiĉojn por riĉa kultura vivo kaj atingis rimarkindajn sukcesojn en la evoluo de la socialisma kulturo, inspirita de la grandaj ideoj de marksismo-leninismo.

La soveta socialisma kulturo, kun kiu komenciĝis la nova supera etapo en la disvolvo de la tuthoma kulturo, estas konstruata sur fundamento, principe diferenca de la fundamentoj de la burĝa kulturo.

Ĝi estas celdirektita al edukado de kulturaj, kleraj homoj kun altaj moralaj kvalitoj.

Samtempe la kulturo de la pereanta kapitalismo idee dispartigas la popolamasojn, enradikigas interhoman antagonismon, burĝan naciismon kaj kosmopolitismon, laŭdegas la konkerajn planojn de la amerikaj imperiistoj.

Dum en Sovetunio kaj en la landoj kun popola demokratio la kulturo estas en tempesta progreso, la burĝa kulturo estas en dekadenco kaj malkomponiĝo. La nuntempaj regantoj de Usono enradikigas inter la popolo amasan malklerecon. En Usono estas 20 milionoj da malkleruloj. De la 75 milionoj da aĝuloj 36 milionoj da personoj ne studis lernejon. Pli ol 6 milionoj da infanoj ne havas eblecon lerni.

Dum la 4 jaroj de la postmilita Stalina kvinjaro estis rekonstruitaj kaj rekomencis sian laboron centoj da lernejoj, en kiuj, inkluzive la foreste studantaj studas 1,128,000 da studentoj, t. e. kun 360,000 pli multe kompare kun ilia nombro ĝis la milito.

La evoluo de la teknikaj lernejoj kaj de la aliaj mezaj specialaj lernejoj ricevis vastan disvolviĝon. Nun en la lando estas pli ol 3,500 mezaj specialaj lernejoj, en kiuj, inkluzive kun la forestantoj, studas 1,308,000 personoj — kun 333,000 pli multe ol antaŭ la milito.

Pri la amplitudoj de la preparo de nova personaro de specialistoj atestas la fakto, ke dum 1949 en la nacia mastrumo laboris 68 procentoj plimulte da specialistoj kompare kun tiu de 1940. Laŭ la skalo de la preparo de nova personaro de la inteligentularo kun Sovetunio povas esti komparata nek unu lando en la mondo.

Dekoj milionoj da homoj en soveta lando plialtigas seninterrompe siajn konojn, neforlasante la produktadon, instruante sin en diversaj kursoj, en teknikaj rondoj, en la sistemo de la partia kaj komsomola instruado. En la lando lernas pli ol duono de la loĝantaro. Grandan rolon en la seninterrompa supreniro de la socialisma kulturo ludas la multnombraj laboristaj kluboj, la dekmiloj da legejoj, amasoj da bibliotekoj, ruĝaj anguloj k. t. p.

Grandega estas la efiko de la gazetaro, de la literaturo kaj de la arto, direktataj ĉiutage de la Centra komitato de la partio kaj persone de k-do Stalin.

La grandaj sukcesoj de la soveta kulturo trovas brilan reflekton ankaŭ en la rimarkindaj akiroj de la scienco kaj tekniko. La sovetaj scienculoj ekposedis la sekreton pri produktado de atoma energio. La pioniraj agantoj de la scienco kaj praktiko helpas la evoluon de la socialisma industrio kaj de la vilaĝa mastrumo.

La publikigita antaŭ nelonge dekreto de la Ministeria konsilantaro de Sovetunio pri la premiigo de la plej famaj verkoj de la arto, sciencaj verkoj, inventoj kaj elfundaj perfektiĝoj en la metodoj de la produkta laboro kun Stalinaj premioj demonstracias evidente la pluan rapidan disvolvon de la science-teknika kaj arta personaro, edukita de la partio de Lenin-Stalin kaj la progreson de la soveta kulturo.

En la soveta lando ĉiuj atingoj de la scienco estas metitaj en servo de la popolo.

Unu el la plej gravaj taskoj de la socialisma kulturo estas la plialtigo de la kultur-teknika nivelo de la laborista klaso ĝis la nivelo de la inĝenier-teknikaj laboristoj. Nur sur tiu bazo, instruas kamarado Stalin, povas esti neniigata la kontrasto inter la intelekta kaj fizika laboro. La vivo entute konfirmis la regulecon de la Stalina antaŭvido. Inter la premiitoj de la Stalina premio kune kun la elstarantaj agantoj de la scienco ni vidas kuraĝajn novatorojn en la industrio kaj en la vilaĝa mastrumo.

La soveta kulturo estas nacia laŭ formo kaj socialisma laŭ enhavo. Gvida rolo en ĝia evoluo apartenas al la kulturo de la rusa popolo. La geniaj verkoj de Lenin, Stalin, la senmortaj verkoj de Puŝkin, Lermontov, Nekrasov, Tolstoj, Gorkij, Ĉeĥov kaj aliaj klasikuloj de la rusa literaturo kaj la famaj verkoj de la sovetaj verkistoj estas eldonataj en multaj lingvoj. Aliflanke la famaj verkoj de Taras Ŝevĉenko, Ŝota Rustaveli, Aliŝer Navoi, la talentaj verkoj de multaj niaj samtempuloj, riĉigintaj sian nacian kulturon, estas tradukataj en rusa lingvo kaj en la lingvoj de la aliaj sovetaj popoloj.

La soveta socialisma kulturo estas konstruata sur la firmaj fundamentoj de la revolucia teorio de Marx-Engels-Lenin-Stalin, sur la bazo de la Lenina principo pri la partieco de la ideologio.

La partieco de la soveta kulturo konsistas el ĝia alta ideeco, en ĝia strebo edukadi sovetajn patriotojn. La soveta patriotismo estas neelĉerpebla fonto de novaj kreaj agoj de la sovetaj homoj, ĝi eŝtas granda moviganta forto. La kreita en la lando morala-politika unueco, la unuiĝo de la soveta popolo ĉirkaŭ la Bolŝevika partio kaj ĉirkaŭ nia kara gvidanto kaj instruisto Stalin estas brila esprimo de la flama soveta patriotismo.

En Sovetunio elkreskis la nova homo de la socialisma epoko, kies laboro pri la bonstato de la socio estas afero de honoro, afero de virto kaj heroeco, kaj la interesoj de la ŝtato estas metataj super ĉio. Tio estas la rimarkinda rezulto de la grandega laboro de la Bolŝevika partio pri la komunisma eduko de la amasoj. Kamarado Stalin instruas, ke dum la transitiva epoko de la socialismo al la komunismo la tasko de la socialisma kulturo estas disvolvi ĉiuflanke tiujn novajn kvalitojn de la sovetaj homoj, konstante plialtigadi la komunisman konsciencon de la popolo, ĝian idean kaj kulturan nivelon, decide batali kontraŭ la restaĵoj de la kapitalismo en la konscio de la homoj, konstante senmaskigadi la pseŭdokulturon de la imperiismo, la senideecon, la formalismon kaj ĝian adoradon. La eldonitaj laŭ la iniciato de kamarado Stalin historiaj dekretoj de Centra komitato de Tutrusia Komunista Partio (bolŝevikoj) pri la ideologiaj problemoj estas larĝa programo pri la sekvanta evoluo de la plej progresiva en la mondo soveta socialisma kulturo.

El ĵurnalo Rabotniĉesko delo № 144 de 24. V. 1950

tradukis: *Minko Conkovski*



GEORGI DIMITROV (18. VI. 1882 — 2. VII. 1949)
la senmorta heroo de la fama proceso en Leipzig

Ne povas ekzisti ia ajn dubo, ke apogante sin al la neprofitema kaj potenca subteno de la Sovetunio, stabiligante per ĉiuj fortoj la amikecon kaj la kunlaboradon kun ĝi, kun la landoj kun popola demokratio, kun ĉiuj landoj kaj popolaj movadoj de la pactendaro, senĉese lernante de nia saĝa instruisto kaj gvidanto k-do Stalin, de la Bolŝevika partio stabiligante kaj disvastigante niajn interligojn kun la laborulaj amasoj en la lando, ne nur instruante ilin, sed ankaŭ lernante de ili, nia partio plenumos entute la testamentajojn de la plej granda filo de la bulgara popolo — de la luktanto-heroo, amato de la laboruloj en la tuta mondo — Georgi Dimitrov.

*V. Ĉervenkov*
ministro-prezidanto de Bulgario.



V. STOILOV — Apud la ĉerko de G. Dimitrov

El la XXI Tutbulgara artpentrista ekspozicio

## Unuajara funebra datreveno

La 2-an de julio 1949 en U. S. S. R. fermis por ĉiam siajn okulojn la plej granda bulgara popola filo — Georgi Dimitrov, la heroo de Leipzig, gvidanto de BK Partio instruanto de Bulgara popolo kaj fondinto de nova socialisma Bulgario.

La Bulgara popolo, kune kun la tuta laboranta kaj progresema homaro, kun doloro en la koroj rememoras pri tiu funebra dato, kiam ili perdis por ĉiam la instruanton de la internacia proletaro, la veran kaj sindonan postsekvanton de Marx-Engels-Lenin-Stalin.

Nun, kiam la tuta homaro konstante luktas kontraŭ la instigantoj de nova eksterma mondmilito kaj avide deziregas pacon, ni kun respektego rememoru pri la granda aspiranto de tutmonda paco, kiu fizike forlasis nin, sed spirite ĉiam estos nia gvidanto ĝis la plena venko de la vero.

Al ni, la esperantistoj, li testamentis kiel oni devas lukti por paco. Ni kun respekto dankas al li pri tiu instruo kaj nun, okaze de la unuajara datreveno de lia fizika morto, ni klinas niajn kapojn ĉe lia eterne kuŝanta senviva korpo, kaj promesas al lia spirito, ke ni aldonos niajn tutajn fortojn por la fina venko de la tutmonda daŭra paco.

## Valoraj pensoj de Georgi Dimitrov pri la paco kaj la milito

Ne estas sufiĉe, ke oni nur deziru pacon. Oni devas lukti por ĝi. Lukti por paco signifas, ke oni aranĝu ĉiutagajn kaj ĉiulokajn „praktikajn amasajn agojn, ne limigante sin nur per rezolucioj, protestoj kaj deklaracioj“. La sukcesa lukto por certigo de la paco postulas ke oni direktu siajn agojn kontraŭ la konkretaj instigantoj de la milito. Antaŭ la dua tutmonda milito tiuj konkretaj instigantoj al milito estis la faŝismaj ŝtatoj kaj iliaj anglo-amerikaj protektantoj. Nun tiaj estas la ĉefaj amerikaj monopolistoj kaj iliaj helpantoj el la medio de la imperialisma kaj la reakcia burĝaro en la aliaj kapitalistaj landoj. Al ili apartenas ankaŭ la „maldekstraj frazemuloj“ kaj la dekstraj socialdemokratoj. Inter la instigantoj de milito estas ankaŭ la banditoj de Tito, kiuj per siaj paroloj pri tio, ke mankas kia ajn danĝero pri milito, ili klopodas malinciti la atentemecon kaj sufoki la deziron por lukto ĉe la jugoslavaj popoloj. Kontraŭ ĉiuj-ĉi konkretaj instigantoj pri nova millto oni devas starigi ĉiutagan konkretan lukton por paco.

*

— La stabiligo de la paco estas mortiga danĝero por la faŝismo, ĉar multiplikante ĝiajn internajn malfacilaĵojn, ĝi kondukas al subfosigo de la burĝa faŝisma diktado; la stabiligo de la paco helpas pligrandigi la fortojn de la proletaro, la fortojn de la revolucio, helpas la eviton de kia ajn disiĝo en la vicoj de la laborista movado; ĝi helpas al la proletaro stariĝi kiel reganta klaso en la lukto de ĉiuj laborantoj kontraŭ la kapitalismo; ĝi subfosas la fundamentojn de la kapitalisma regopovo; ĝi akcelas la venkon de la socialismo.

*

— La lukto por paco — tio estas lukto kontraŭ la faŝismo, lukto kontraŭ la kapitalismo, lukto por la venko de la socialismo en la tuta mondo.

*

— Se la homamasoj, sen kiuj oni ne povus militi, decide kaj siatempe komencus lukti kontraŭ la militemaj intencoj de la registaroj, ili povus devigi la lastajn reeviti la militon kaj forigi la intencojn de la militinstigantoj. La tuta afero konsistas en tio, ke oni siatempe organizu la lukton de la popoloj por stabiligo de la paco kaj ke oni ekzercu tiun lukton ĉiutage kaj ĉiuloke kontraŭ la faŝistoj — instigantoj de milito kaj iliaj helpantoj.

## Pri Georgi Dimitrov

Nekonsoleble trompiĝis la malamikoj kiuj fantaziis, ke post la frue veninta morto de k-do Georgi Dimitrov la unueco kaj la batalkapableco de nia partio malfortiĝos. La partio ne nur ne malfortiĝis, sed atingis seriozajn sukcesojn en la regiono de la ekonomia konstruado de la lando, en la regiono de la plua stabiligo de nia popol-demokratia ŝtato.

*Georgi Ĉankov*
sekretario de C. K. de B. K. P. kaj ministro de la Transporto

En la persono de k-do Georgi Dimitrov la Bulgara komunista partio donis al la mondo unu el la plej eminentaj agantoj en la historio de la tutmonda laborista movado. Pro tio la morto de k-do Georgi Dimitrov estas grava perdo por la internacia laborista movado, por ĉiuj progresivaj homoj en la mondo.

*Teodor Ĵivkov*
sekretario de C. K. de B. K. P.

La unuajara datreveno de la morto de k-do Dimitrov koincidas kun la neestinta ĝis nun laŭ siaj dimensioj en la tuta mondo, ĉefrunte kun la granda Sovetunio, batalo por paco, kontraŭ la bruligantoj de nova imperiisma milito, preparata de la anglo-amerikaj imperiistoj kaj ĝiaj agentoj. La batalo kontraŭ la milito, por daŭra kaj demokratia paco konsistigas nedisigeblan parton de la duonjarcenta agado de k-do Dimitrov.

*Georgi Damjanov*
prezidanto de la Prezidantaro de Popola respubliko Bulgario

*100-jara datreveno depost la naskiĝo de*

# la granda bulgara nacia poeto kaj verkisto

# ivan vazov

La 27-an de Junio 1950 forpasas 100 jaroj depost la naskiĝo de la granda bulgara nacia poeto kaj verkisto Ivan Minĉev Vazov.

Vazov naskiĝis en la malgranda urbo Sopot, kiu situas en la piedoj de la monto Stara planina (Balkano). En la lernejo Vazov prosperis bone. Unu el liaj instruistoj konatigis lin kun la rusa lingvo kaj tio atribuis tro multe por la ĝenerala kultura evoluo de la poeto. Estinte apenaŭ 14 jaraĝa, li mem komencis verki poeziaĵojn. Certan tempon li estis helpinstruisto en urbo Kalofer, naskiĝloko de la granda bulgara poeto kaj glora revoluciulo Hristo Botev. La lernejo en Kalofer havis bibliotekon kun rusaj kaj francaj libroj. La poeto mem konfesis, ke sen tiu biblioteko li estus nenio. Li legis pasie la rusajn librojn — tiam li malmulte komprenis la francan lingvon. En la gimnazio li lernis entuziasme francan lingvon. Béranger kaj Lamartine estis la unuaj francaj poetoj, kiujn li komprenis kaj ekamis. Tre frue li ankaŭ tradukis fragmentojn el iliaj verkoj.

Absolvinte gimnazion, Vazov revenis en Sopot kaj helpis en la vendejo de sia parto, kiu estis tre riĉa komercisto. Vazov tamen profitis ĉiun liberan tempon por poezia verkado. Tiam li multe verkadis. Vidinte lian intereson al la franca lingvo, la patro abonigis lin al la franca ĵurnalo „Courrier d'Orient", kiu aperis tiutempe en Konstantinoplo.

Dum la plej frua periodo Vazov verkis precipe aman poezion, laŭ la gusto de la tiama burĝa junularo.

Dum 1870 la patro de Vazov sendis lin en Rumanion, esperinte, ke la okupoj pri komerco fortiros lin de la poezio, tamen la junulo daŭrigis senĉese verkadi kaj ne fariĝis komercisto.

La unuaj presitaj versaĵoj de Vazov havas precipe patriotan enhavon. Multaj el ili estas elegiaj.

Dum 1876 li eldonis en Bukureŝto sian unuan versaĵaron, titolita „Standardo kaj violono". En ĝi li prikantas la suferojn de la bulgara popolo sub la turka jugo kaj ĝian heroan batalon por libero. En tiu libro tre karaktera estas la versaĵo „La nove agordita violono". La aŭtoro forlasas la mildajn amajn kantojn kaj komencas prikanti la dolorojn de sia suferanta popolo. La beleco de la bulgara naturo ne plu allogas lin, ĉar la popolo ĝemas kai ploras.

En 1877 Vazov eldonis en Bukureŝto sian duan versaĵaron sub la titolo „La ĉagrenoj de Bulgario", kies enhavo rilatas la kruelegan sufokon de la fama Aprila ribelo dum 1876. Cetere jam dum 1875 en Sopot Vazov estis membro de la loka revolucia komitato.

En la komenco de la liberiga rusa-turka milito (dum la somero de 1877) Vazov estis en Bukureŝto. Li verkis la versaĵon „Savo" kaj fariĝis tradukisto ĉe la rusa armeo. Tiam, loĝante jam en la apuddanuba bulgara urbo Svištov, li pasie legis en originalo la kolekton de Victor Hugo „Châtiments" kaj depost tiam la granda franca verkisto tre multe influis al li. La venontan jaron 1878 Vazov presigas sian verkon „Savo" en Bukureŝto.

En la komenco de la jaro 1879 Vazov ricevis oficon kiel prezidanto de distrikta juĝejo en urbeto Berkovica (Nordokcidenta Bulgario). La restado en tiu urbeto estas unu el la plej fruktodonaj periodoj en la vivo de Vazov. Tie li trovis tre multe da materialo por sia verkado. Sian tre faman poemon „Gramada" (Stonaro) li verkis tie.

Dum 1881 Vazov eldonis en urbo Plovdiv sian versaĵkolekton sub la titolo „Gusla" (bulgara popola violono), en kiu ni devas speciale noti la ciklon „Epopeo de la forgesitoj", en kiu li glorigas la batalantojn por la libero de la bulgara popolo.

La novelo „Nemili-nedragi" (Vagabondoj) laŭ la aŭtoro prezentas veran bildon pri la vivo de la bulgaraj politikaj elmigrintoj en Rumanio dum la lastaj jaroj de la turka jugo, kiun novelon la B. E. K. eldonis aparte.

En Plovdiv Vazov estis unu el la fondintoj de literatura societo „Nauka" (Scienco) kaj ĉefredaktoro de ĝia samnoma gazeto.

Dum 1886 en Bulgario okazis grandaj politikaj perturboj, kiuj devigis multajn bulgarojn elmigri. Vazov estis unu el ili. Li restis en Odesa (Rusio) pli ol du jarojn kaj tie li verkis sian faman romanon „Sub la jugo".

Reveninte en Bulgarion dum 1890, Vazov komencis redakti la gazeton „Dennica" (Aŭroro), en kiu publikigis multajn siajn rakontojn. Nur dum 1889 oni komencis presigi lian romanon „Sub la jugo", pli poste tradukita en plurajn lingvojn. La romano mondfamigis sian aŭtoron.

En la jaro 1896 aperis la dua granda romano de Vazov „Nova tero". Ĝi pentras okazintaĵojn el la liberiga milito kaj la vivon post ĝi ĝis la unuiĝo de Norda kaj Suda Bulgario (Septembro 1885).

Depost la jaro 1900 Vazov eldonis kelkajn kolektojn de rakontoj, en kiuj li pentras precipe la negativajn flankojn de la tiama vivo, la epokon de la komenca akumulo de kapitalo kun ĝiaj tipaj reprezentantoj, kies celo estas antaŭ ĉio la mono kaj la oficoj.

En la versaĵaro „Migrulaj kantoj" (1899) Vazov dediĉas atenton al la naturo kaj al la sociaj maljustaĵoj. En la versaĵaro „Sub nia ĉielo" li prikantas la laboron de la bulgara popolo kaj kuraĝigas la socialajn laborantojn.

En du aliaj kolektoj de rakontoj (1901, 1903) Vazov donis du el siaj senmortaj rakontoj: „Avo Joco rigardas, (pentrante blindiĝintan maljunulon, kiu „vidas" la liberecon pli bone ol la vidantoj) kaj „Unu bulgarino" (maljuna virino, kiu helpas al partizano el la trupo de Botev).

En sia verkado Vazov revenis ankaŭ al la malproksima historia pasinteco kaj verkis romanojn, dramojn kaj legendojn.

Dum 1919 aperis la lasta versaĵaro de la granda nacia bulgara poeto: „Mi eksentis odoron de siringo", entenanta intimajn kantojn, inter kiuj kelkaj estas rememoroj pri lia infaneco.

Dum 1920 la tuta bulgara popolo solenis la 70-jaran aĝon de la poeto kaj lian 50-jaran verkadon. Unu jaron pli malfrue, tute neatendite, Vazov mortis la 22-an de Septembro. Lia morto ĉagrenigis la tutan bulgaran popolon. La tombo de la granda bulgara nacia poeto kaj verkisto troviĝas en la centro de la ĉefurbo, apud la antikva preĝejo „Sveta Sofia". Oni povus ekkoni

lian tombon laŭ la ŝtonego, alportita de monto Vitoŝa, sur kiu oni vidas la simplajn literojn „Ivan Vazov".

Vazov verkis ankaŭ multajn teatraĵojn — dramojn kaj komediojn. Kelkaj el ili estas teatra relaboro de liaj eposaj verkoj. Per siaj dramoj li sukcesis trapasi la limon, kiu apartigas la komencan etapon de la bulgara dramo de ĝia plua evoluo.

La longjara kaj fruktodona literatura agado de Vazov rezultigis jam dum lia vivo agnoskon, ke li estas klasikulo de la bulgara prozo kaj nacia poeto. Lia verkado akompanas ĉiujn gravajn historiajn etapojn en la vivo de la patrujo, komencante de la revolucie bolanta epoko en la lastaj jaroj de la turka jugo kaj finante post la peza nacia katastrofo, rezulto de la Unua mondmilito. En siaj multnombraj verŝaĵoj li esprimis sian amon al la bulgara naturo, al la bulgara popolo, al la laboro kaj la amon al la frata popolo liberiginto — la rusoj. En lia prozo estas arte respegulata la vivo de la bulgara popolo en la daŭro de duona jarcento.



IVAN VAZOV (1850 — 1921)

Vazov devenas de la mezeriĉa bulĝaro, sed sufiĉe frue vivis inter la revoluciuloj kaj vagis senhejma post la subpremo de la granda Aprila ribelo (1876). Jam tiam li formiĝis kiel bulgara nacia poeto kaj tia restis ĝis sia morto (1921).

Post la liberiĝo (1878), kiam Bulgario ekmarŝis sur la vojo al industri-kapitalista disvolviĝo, Vazov restis sur la malnovaj pozicioj de la burĝa demokratio. Pro tio en liaj verkoj interplektiĝas elementoj de progresema demokrata penso kaj protesto kontraŭ la ekspluatantoj kun elementoj de naiva patriarkeco kaj burĝa konservatismo. Tamen ni devas noti, ke li ĉiam havis fortan demokratan instinkton kaj bone konis la vivon de la bulgara popolo.

La koncepto „la arto por la arto" estis fremda al la granda bulgara poeto. Li ĉiam pensis, ke lia verkado estas respondeca socia servo, ke la vera arto havas altajn sociajn, naciajn kaj kulturajn taskojn, ke la vera poeto devas esti filo de sia popolo kaj de sia epoko. Li estis realisto, eĉ kritika realisto. Laŭ akademiano Todor Pavlov, la verkaro de Vazov estas grandioza spegulo, en kiu arte respegulas sin du gravegaj epokoj en la historio de la bulgara popolo: la epoko antaŭ la liberiĝo kaj la epoko post la liberiĝo ĝis la Unua mondmilito kaj la peza nacia katastrofo, rezulto de ĝi. En liaj verkoj ni ĉiam trovas unuigitaj la konkretan kaj la ĝeneralan, la tipan kaj la hazardan, la nacian kaj la tuthomaran, la aktualan kaj la eternan. Oni ne povas montri alian verkiston, kiu tiel vaste kaj multflanke respegulis la bulgaran realecon kun ĉiuj ĝiaj movantaj fortoj, kontraŭdiroj kaj tendencoj. Tiurilate Vazov povas esti instruisto de ĉiuj sekvantaj verkistoj.

La plimulto de la verkoj de Vazov entenas konsiderindan dozon de romantikeco, kiu preskaŭ ĉiam estas progresema, eĉ revolucia. Kvankam li travivis multajn pezegajn kaj tragikajn historiajn okazaĵojn, li ĉiam restis optimisto kaj konservis sian kredon je la bona estonteco de sia popolo kaj de la tuta homaro. Lia signifo por la evoluo kaj riĉiĝo de la bulgara literatura lingvo kaj por la kreado de ĉiuspecaj literaturaĵoj estas eksterordinare granda.

Dum la vivo de Vazov kaj post lia morto aperadis diverstempe liaj verkoj en apartaj volumoj kaj apenaŭ nun, okaze de lia 100-jara datreveno la Ŝtata entrepreno „Nauka i izkustvo" (Scienco kaj arto) eldonis la tutan lian verkaron en 21 volumoj.

Bulgara Esperantista Asocio kaj la Bulgara Esperantista Kooperativo jam eldonis plurajn el liaj rakontoj diverstempe. La lastan jaron, pro la datreveno de la poeto la Kooperativo eldonis en speciala volumo lian tre faman novelon „Nemili-nedragi" (Vagabondoj") kune kun kelkaj tre interesaj kaj legindaj rakontoj sub la komuna titolo „Vagabondoj".

S. Hesapĉiev

---

### BULGARAJ AKADEMIANOJ PRI IVAN VAZOV

„Ĝenerale dirite, ekde la komenco ĝis la fino de sia disvolviĝo Ivan Vazov montriĝis kiel vera nacia poeto, bulgarrenesanca demokrato, arda patrioto, progresiva humanisto kaj neŝanceligeble konvinkita adepto de la ideo pri interslava amikeco kaj kunlaborado kaj precipe, eĉ unualoke pri bulgara-rusa amikeco kaj kunlaborado".

Akedemiano prof. *Todor Pavlov*
prezidanto de la bulgara Akademio de la sciencoj

„Ivan Vazov havas la plej riĉan vortaron kiel laŭ volumo, tiel ankaŭ laŭ nuanciĝo de la signifo, li servis sin per 45,000 apartaj vortoj, profitante majstre iliajn multnombrajn nuancojn".

Akademiano prof. *St. Romanski*
direktoro de la Insituto de bulgara lingvo ĉe la bulgara Akademio de la sciencoj.

IVAN VAZOV

# La pura vojo

En la komisiono pri malkovro de l' monumento de Levski en Sofia, en kiu komisiono mi partoprenis, oni parolis pri la glora predikanto de la libereco. Ĉar ĉiuj komisionanoj, pli aŭ malpli konis persone Levski, oni rakontadis anekdotojn pri lia sentimeco kaj kuraĝeco eĉ dum plej danĝeraj cirkonstancoj, pri lia konsidereco kaj indiferenteco dum la danĝeroj, per kiaj estis surŝutita ĉiu paŝo de lia pilgrima vivo. Ĉiuj-ĉi rakontoj unu post alia pli nekredeblaj kaj kosternigantaj, ĵetis novan lumon pri la morala forteco de la diakono kaj aldonis novajn radiojn al la oreolo, per kiu tiu-ĉi mistera, preskaŭ legendeca figuro staras ĉirkaŭita en nia fantazio. Inter ĉiuj niaj unuaj revoluciuloj, nur unu sola Levski povus gajni de ĉiu nova detala pristudo pri lia vivo. La ceteraj estas miksaĵo de lumoj kaj ombroj, ĉiuj havantaj sian malan flankon, ilia ĉarmo neeviteble perdas de siaj forteco kaj brileco tuj kiam la personoj de tiuj revoluciuloj aperas plene antaŭ nia scivolema rigardo. la protekta kurteno estas necesa por iuj flankoj de ilia karaktero, por iuj momentoj de ilia malkvieta vivo. Pro tio la tasko de ilia biografo estas delikata kiam li decidus ekpentri ilian vivon per fotografa precizeco.

Nur Levski ne timas tian fotografaĵon. Ĉiu faldo de lia socia kaj privata vivo, lumigita de la biografo, montras lin pli granda antaŭ ni.

Vasil Levski estas modelo de morala pureco. Li estas ne nur brava — li estas ankaŭ virtoza: triumfanta refuto kontraŭ la teorio en nia lando, ke la honesteco estas elemento neakordigebla kun la revolucieco.

Ĉe Vasil Levski oni rimarkas elementojn, karakterajn pri la unuaj kristanoj, kaj pro tio oni lin nomis „La apostolo". Neniam oni donis pli trafan alnomon: apostolo laŭdestine kaj laŭ sia fanatika kredo al sia dio — la libereco de Bulgario — li rememorigas la kristadeptojn pro sia vivmaniero, abstinenco, pureco de l' moroj kaj, kvankam skeptikulo, pro sia senriproĉa, pure kristana moraleco.

Levski nek drinkis, nek fumis kaj nek prenis ion ajn fremdan: li, kiel Karlo la XII-a, ne havis rilatojn kun virinoj; eterna vaganto, vagabondo, nudulo, ofte malsata, li scipovis esti enkarniĝo de ideala honesteco.

Sed tio estas afero de liaj estontaj biografoj, kaj mi rakontos ĉi-tie pri unu el la pluraj trajtoj de lia legenda memkontrolo kaj lerteco dum danĝeraj momentoj.

La rakonto de unu el la komisiananoj, s-ro Ivan Grozev, koncernis la jenon:

Dum la jaro 1870 Ivan Grozev ekmarŝis pro sia propra laboro el Plovdiv al sia naskurbo — Karlovo, Jam en Plovdiv li aŭdis tre maltrankviligan famon pri diakono Vasil Levski: oni diris, ke Vasil Levski troviĝas en Karlovo kaj ke la registaro eksciis tion kaj sendis post li la teruran kârserdaron ([1]), Haĝi-Ismail-aga, kune kun kvardekkvin kavalerianoj, kun ordono traserĉi la turan urbon Karlovo kaj trovi kaj venigi vivantan aŭ mortigitan Levski. Samtempe la registaro ordonis, ke la ĝendarmoj en la tuta karlova regiono deĵoru kaj estu atentemaj. Ĉiun vojon, ĉiun gastejon kaj ĉiun suspektindan vojaĝanton la ĝendarmoj atente observis. Eksciinte pri tiuj eksterordinare seriozaj entreprenoj flanke de la turka registaro por finfine kapti la nekaptigeblan kaj danĝeran revoluciulon, Grozev estis tre zorgoplena. Kiam li atingis Sredna-Gora ([2]) kaj trapasis la vilaĝon Ĉukurlii ([3]), sur la kontraŭa altaĵo la ŝoseo ekpulviĝis kaj ekaperis grupo da rajdantoj. Li tuj ekkonis la persekutbandon de Haĝi-Ismail aga, kiu revenis. Grozev ektremis pro la penso, ĉu tie ne estus ankaŭ Levski. Li tamen trankviliĝis, vidinte kiam ili alproksimiĝis, ke la diakono ne estis inter ili. Haĝi-Ismail aga, kiu estis konata al Grozev, haltigis lin, ambaŭ forfumis po cigaredo dum sensignifaj interparoloj, bondeziris al li bonan vojaĝon kaj foriris kun sia rajdtrupo.

Je kvindek paŝoj post ili Grozev rimarkis, ke ekaperis rajdanta bulgaro, vestita en sakpantalono ([4]), kun fezo kaj tenis malalte super sia kapo nigran ombrelon, por fari al si ombron, ĉar la suno brilegis.

Pro la sunombrelo Grozev ne povis vidi la vizaĝon de tiu vojaĝanto, kaj li restis tute indiferenta pri li.

Sed, kiam li tute trankvile trapasis preter la vojaĝanto kun la sunombrelo, tiu ekriis laŭte:

— S-ro Grozev, bonan vojaĝon!

Grozev turnis sin kaj vidis lin. Kiaj estis liaj admiro kaj teruro kiam li ekkonis en tiu persono — Vasil Levski!

Post la kutima manpremo, Grozev komencis riproĉi lin, kial do li postiras la persekutbandon, riskante ĉiumomente teruran danĝerecon. La riproĉoj, la murmuroj de Grozev, kiuj estis kiel rezulto de varmamika kompato, estis senfinaj.

Levski ekridetis kaj diris:

— Ne timu — nun la vojo estas plej pura!

— Nun la vojo plej pura? Ĉu vi estas freneza, diakono? — koleris Grozev montrante al li la persekutbandon.

— Marŝante post la persekutbando, mi estas en plena sendanĝereco... Nun al kiu povus veni la ideo suspekti min! La tuta mondo estas certa, ke Levski nun estas kaŝinta sin en mustruo... Descendu! Descendu!

Kaj descendinte desur sia ĉevalo, li igis ankaŭ Grozev, kiu estis ankoraŭ konsternita pro timo, descendi, kaj post tio ambaŭ sidiĝis sub la branĉoj de unu ulmo preter la vojo.

Tie Levski rakontis al li detale pri la danĝero, en kiu li troviĝis pro la alarmo, okazigita de la turkoj en Karlovo, pri ĉiuj domoj, en kiuj oni lin serĉis, kiel kaj kie li estis rifuĝinta kaj kiomfoje lia vivo estis timigita.

— Krome, mi rapidas al Plovdiv. Tien vokas min la afero. Tuj postkiam ekmarŝis la kârserdaro el Karlovo, mi ankaŭ ekmarŝis post li, kiel vi vidas... Se mi alimaniere marŝus, ĉiu ĝendarmo fiksrigardus min. Nun mi estas trankvila".

— „Kaj vi eniros Plovdivon kune kun Haĝi-Ismail aga?" — demandis lin Grozev.

— „Nepre! eĉ mi enmiksiĝos tie inter la persekutantoj... sed, adiaŭ, mi devas iri, ĉar mia trupo foriras" — diris ridetante Levski kaj adiaŭis kun Grozev, post kio li surrajdis sian fortecan ĉevaleton.

Post kelkaj minutoj, kiam Grozev suprenrampis pli altan monteton, li turnis sin kaj ekrigardis al vilaĝo Ĉukurlii, kie li vidis, ke la soldatoj de la kârserdaro deĉevaliĝis kaj promenigis siajn ĉevalojn. Apud ili unu bulgaro, vestita per sakpantalono kaj kun faldita ombrelo enmane, ankaŭ promenigis sian ĉevalon.

Esperanto-traduko: Iv. Kovaĉev

## INTERKONSENTO INTER LA ŜTATO KAJ LA EKLEZIO

Inter la Pola Registaro kaj la katolika episkoparo la 14-an de Aprilo en la kuranta jaro estis subskribita interkonsento, normaliganta la rilatojn inter la ŝtato kaj la eklezio.

La interkonsento estas apogita je la principoj, per kiuj esprimiĝas la interesoj de la popola Polujo—normaligo de rilatoj inter la ŝtato kaj eklezio, respekto de la religiaj liberecoj.

Konsentante kun la principo, ke la reakiritaj terenoj formas nedisigeblan parton de la Popola Respubliko, la episkoparo rekomendas ŝanĝi la ĝisnunan administradon en preĝejoj je la konstantaj eposkopejoj. La interkonsento fiksas, ke la eklezio malaprobos ĉian kontraŭŝtatan agadon, ke ĝi malpermesos trouzi religiajn sentojn por la kontraŭŝtataj celoj, kontraŭagos la agadon de konspiraciaj bandoj kaj punos laŭ ekleziaj konsekvencoj tiujn pastrojn, kiuj estas kulpaj pro la kontraŭŝtata kaj konspiracia agado. Ankaŭ la interkonsento konstatas, ke la episkoparo estimigos rajtojn de ŝtataj aŭtoritatoj kaj alvokos kredantojn al la intensa laboro por rekonstruo de la lando.

La episkoparo konstatas, ke la principo, ke la papo estas senerara kaj plej supera aŭtoritato de la eklezio koncernas nur al problemoj de la kredo, moraleco kaj preĝeja leĝaro, sed en aliaj aferoj la episkoparo atentas pri interesoj de la pola ŝtato. Tiamaniere estas plenumitaj la postuloj plurfoje prezentitaj de la publika opinio kaj progresema parto de la pastraro.

En tiuj punktoj kaj en aliaj formuliĝoj, koncernantaj la rilaton de la eklezio al la ŝtato — la interkonsento estas bazita je la principo, ke la agado de la episkoparo estas gvidata per la nuntempaj interesoj de la ŝtato. La Registaro, konforme al sia ĝisnuna politiko en rilatoj al eklezio, staras sur la grundo de repekto de la religia libereco.

La interkonsento de la 14 de Aprilo signifas konsolidiĝon de la pola socio, konsolidiĝon de fortoj de la pactendaro. Ĝi trastrekas la esperojn de diversaj komplotemaj centroj. Ĝi silentigos la malamikan mensogan propagandon de la eksterlandaj reakciaj rondoj pri kvazaŭ ekzistanta en Polujo religia netoleremo.

## *LA POLA KOMERCA NAVIGADO*

Dum la periodo de la lastaj kvin jaroj, kompare al jaro 1939, ne nur kreskis tunaĵo de nia komerca ŝiparo, sed ankaŭ pligrandiĝis je pli ol 10 procentoj partopreno de la Pola komerca ŝiparo en transporto de varoj, alvenantaj tra niaj havenoj.

Konforme al la disvolviĝa direkto de la Pola komerca ŝiparo la plej grandan superon de la plano montras vartransportoj sur la regulaj linioj.

En la tuta kvanto de la transportitaj varoj per regulaj ŝiplinioj 66 procentojn formas la eŭropaj linioj kaj 34 procentojn formas la transoceanaj ŝiplinioj. En la neregula navigado 98 procentojn de varoj oni transportis sur la eŭropaj marvojoj.

La ŝparplano de la Pola komerca ŝiparo estas plenumita en jaro 1949 kun 25 procenta supero. Tamen la plej granda sukceso de la Pola komerca ŝiparo estas la regulaj ŝiplinioj. En la antaŭmilita periodo ni havis nur kelkajn regulajn ŝipliniojn, precipe priservitajn de eksterlandaj ŝipposedantoj. Nun ni havas 14 ŝipliniojn. Lastatempe oni funkciigis la novan ŝiplinion inter Gdynia kaj Pakistano.

La sesjara plano en la pola navigado antaŭvidas gravan pligrandiĝon de la ŝiparo kaj pluan disvolviĝon de la regulaj ŝiplinioj.

Dum konstruo de novaj ŝipoj ĉefe en la landaj ŝipfarejoj oni tre atentas pri sociaj aranĝoj por ŝipanoj. Sendepende de tio ŝipanoj ricevis grandajn sumojn por socialaj celoj. En jaro 1949 ekzemple oni elspezis dekojn da milionoj da zlotoj por kuracado.

Krome la ŝtato asignis grandajn sumojn por infanĝardenoj, antaŭlernejoj por infanoj de ŝipanoj, por libertempado kaj domoj de ŝipanoj. Dum periodo de la pasinta kvinjaro Gdynia — Amerika — Linio (mallongigite GAL), kiu reprezentas interesojn de la ŝtato sur maro, organizis propran maran savadon.

Konforme al la kresko de nia mara ŝiparo oni funkciigis grandskalan instruadon kaj praparadon de fakuloj.

99 procentoj de absolvintoj de la instruadkursoj por fakuloj estas homoj de multaj jaroj laborantaj en la komerca ŝiparo, kiuj pro la elitema karaktero de la antaŭmilita komerca ŝiparo ne povis akiri la socian promocion. Nun, kiam ili transprenis la novajn postenojn, tiuj ĉi homoj donas ekzemplon de la laborrivalado sur ŝipoj.

Apud la kursoj por fakuloj la Linio tre atentas pri la kulturkleriga aĝado kaj sur ĉiu naĝanta ŝipo funkciigas klubojn, organizas bibliotekojn kaj eldonas ĉiutagan radian bultenon.

## *LA TURISMO KAJ LA POPOLAMASOJ*

Dum la lasta plenkunsido de la Turista Konsilantaro oni akceptis rezolucion, kies fragmenton ni prezentas: „Turismo kaj landkonemo en la antaŭmilita Polujo plejparte formis privillegion de la posedantaj sociaj grupoj. La organizaj formoj de la turismo kaj ankaŭ tiamaj ekonomiaj kondiĉoj kreis specon de la elitema turismo, kiun povis partopreni nur riĉaj personoj kaj la vastaj laborantaj popolamasoj kaj junularo estis senigita de la rajto ekkoni la landon, pliprofundigi sian kulturon kaj plibonigi sian sanstaton.

Ĉe sojlo de realigo de la sesjara plano por konstruo de la fundamentoj de socialismo en Polujo la Turista Konsilantaro opinias kiel unu el plej gravaj siaj taskoj plilaboron de tiaj principoj kaj formoj de laboro, kiuj konformiĝus al la nunaj postuloj kaj donus la organizitan turismon kaj landkonemon plene por la popolamasoj".

La Turista Konsilantaro estas konsultanta kaj opiniodona organizaĵo de Komunikadministrejo kaj de aliaj institucioj, okupiĝantaj pri turismo en la lando. Tiu ĉi Konsilantaro estas kreita por koordini ĉiajn problemojn, ligitajn kun disvolviĝo de la turismo en Polujo.

## *HONORIGO DE LA MEMORO DE ZAMENHOF*

Dimanĉe la 16-an de aprilo en la kuranta jaro en la 33-a datreveno de morto de doktoro Ludoviko Zamenhof, varsoviaj geesperantistoj honoris la memoron de la kreinto de Esperanto ĉe lia tombo.

Post surmeto de la simbolaj floroj konformajn paroladojn diris prezidanto de la Ĉefa Estraro de Asocio de Esperantistoj en Pollando s-no Edward Bugajski kaj Jan Zawada.

*I. Dratwer*

# POLLANDO POR DEFENDO DE LA PACO

La 15-an kaj 16-an de aprilo j. k. okazis en Varsovio kunsidoj de la Pola Komitato de pacdefendantoj. Tiu ĉi komitato akceptis kelkajn gravajn decidojn pri la organizo de la pacmovado en Polujo: kunvoko je 1-a de septembro en Varsovio de la Pola Kongreso de pacdefendantoj, aranĝo de monkolekto por la Fonduso de pacdefendo kaj aliajn. Sed la plej grava decido de la Komitato estis proklamo de la manifesto al la Pola popolo konforme al la decidoj de la Tutmonda komitato de pacdefendantoj, okazinta en Marto de la kuranta jaro en Stokholm.

Jen estas la teksto de la manifesto kun negravaj mallongigoj:

„Malamikoj de la paco multe nun parolas pri milito. Ekzistas homoj, kiuj de la tempo de Hirosima minacas per atombombo el post la oceano. Ekzistas obskuraj fortoj, kiuj deziras puŝi la homaron al la milito. Ekzistaj tiuj, kiuj esperas gajni novajn miliardojn per armado kaj sangverŝado.

Sed mensogas tiuj, kiuj deklaras, ke la milito ne estas evitebla. La grandega plimulto de la homaro ne deziras militon. Kaj la milito ne okazos, se ĉiuj homoj, kiuj ĝin ne deziras, unuigos siajn penadojn kaj volon por elbatali la pacon. Jam nun la pactendaro en la mondo formas grandegan forton. Estas necese, ke la pactendaro estiĝu tia potenca forto, por ĉiam malebligi ekeston de la sanga krimo kontraŭ la homaro. Por atingi tiun ĉi celon ĉiuj homoj de bona volo devas troviĝi en la vicoj de pacdefendantoj.

Estas multaj diferencoj inter la homoj en la mondo. Ne ĉiuj havas la samajn politikajn vidpunktojn. Estas homoj de diversaj kredoj kaj senkreduloj, estas homoj de diversaj nacioj kaj rasoj.

Sed ekzistas tia afero, kiu koncernas komunan sorton de la homaro kaj personan sorton de ĉiu homo. Tio estas la problemo de la paco.

Pacon deziras ĉiu, kiu deziras sekurecon de sia familia domo kaj sekurecon de siaj infanoj, ĉiu, al kiu estas kara la gepatra lando, naskiĝurbo, vilaĝo, strato, ĉiu, kiu deziras konservi trezorojn de kulturo kaj akiraĵojn de la paca laborado de generacioj — urbojn, fabrikojn, lernejojn, konstruaĵojn, preĝejojn kaj monumentojn en sia patrujo; ĉiu, kiu deziras, ke progreso de scienco kaj eltrovaĵoj ne servu al la morto, sed al pli bona vivo.

Pacon deziras per la tuta koro virinoj en zorgo pri la sorto de siaj infanoj kaj edzoj, en paco vidas sian estontecon la junularo de ĉiuj landoj.

Por unuigi en la batalo por paco ĉiujn, kiuj ne deziras la militon, malgraŭ ĉiaj ideologiaj diferencoj — la Tutmonda komitato de pacdefendantoj decidis en marto en Stockholm la jenajn postulojn:

1) Senkompromisa malpermeso de uzo de atomarmilo kaj efika internacia kontrolo pri plenumo de tiu ĉi decido.

2) Konsideri kiel militkrimulon tiun registaron, kiu la unua uzus atomarmilon.

Ĉirkaŭ tiuj ĉi postuloj ariĝas ĉiuj honestaj homoj en la tuta mondo. Inter ili povas manki neniu el ni. Ekbatalu kontraŭ tiuj, kiuj minacas per la atomarmilo de la amasa murdo kaj detruo.

Ni, pacdefendantoj, estas anoj de la granda kaj ĉiam pli potenca movado de tiuj, kiuj ne nur deziras la pacon, — sed ankaŭ batalas por ĝi.

Ni, civitanoj de la Popola Polujo, scias kiu svingas antaŭ la mondo la atombombon. Ni scias, ke tiu usona gazetaro de imperiistoj minacis per la atombombo al „infanoj en luliloj kaj maljunuloj dum preĝo". Ni scias pri la krimaj militaj planoj de amerikaj imperiistoj, sonĝantaj hitlerajn sonĝojn pri regado super la mondo.

Ni, civitanoj de la Popola Polujo, estas fieraj pro la paca politiko de nia registaro, ni kun ĝojo salutas la fakton, ke nia registaro aliĝis al la iniciato de la potenca Sovetunio, postulanta malpermeson de la atomarmilo kaj konsekvence strebas al plifirmigo de la paco.

La pola popolo scias, ke nia sendependa ekzistado, nia ekonomia kaj kultura disvolviĝo estas garantiata de amikeco kaj alianco kun la granda Sovetunio kaj landoj de la popola demokratio. Ni ekkonis la potencon de la Soveta Armeo dum la tempo, kiam ĝi portis al ni liberiĝon. Simile kiel la granda soveta popolo, ni laboras kaj laboros kun ankoraŭ pli granda energio kaj oferemo por pligrandigi defendeblecojn de nia patrujo. Ni scias, ke ne la putriĝanta, tordata de nekuracebla krizo kapitalismo, sed la tendaro de socialismo kaj popola demokratio, kun la granda Sovetunio frunte, estus venkinto de ĉiu milito kaj per ĉiu armilo.

Sed nek Sovetunio, nek Polujo, nek ĉiu alia progresema lando deziras la militon kaj bezonas la militon. Sufiĉe da laboro ni havas, ĉiam pli multe da pano kaj ĝojo de tio, kion ni konstruas sur propra tero. Ni deklaras, ke estas ebla paca kunekzistado de landoj de diversaj sociaj regsistemoj.

Ni batalas por la paco per ĉiu tago de nia laboro, per ĉiu cifero de la sesjara plano, per ĉiu tuno da karbo, per ĉiu centnaro da greno, per ĉiu briko de novaj domoj".

Poste la manifesto alvokas la polan popolon amase subskribi sub la decido de la Tutmonda komitato de pacdefendantoj en Stockholm.

La manifesto tiel finiĝas:

„Antaŭ juĝo de popoloj kaj organizitaj fortoj de centoj da milionoj da homoj de ĉiuj konvinkoj kaj kredoj devas sin retiri bruligantoj, komplotantaj kontraŭ la homaro.

Vivu la paco!

Vivu, venku pacdefendantoj en la tuta mondo!

Vivu kaj fortikiĝu, venku la pola tutnacia batalfronto por la paco!"

Sub la manifesto de la Pola komitato de pacdefendantoj metis subskribojn multaj sociaj organizaĵoj kaj eminentaj individuoj el la mondo de scienco, arto kaj literaturo.

Laboramasoj de Polujo, iniciatinte la Unuamajan agon, kiel konkretan partoprenon en la pacagado, organizas la pacmovadon kaj plivastigas propagandon, senmaskiganta la militbruligantojn.

### KVIN JAROJN DE AMIKECO INTER POLUJO KAJ SOVETUNIO

La 21-an de Aprilo en la kuranta jaro pasis la kvina datreveno de la subskribo de la pola-soveta traktato pri amikeco, kunlaboro kaj reciproka helpo. Tiu ĉi traktato kreis novan epokon en la polaj-sovetaj rilatoj.

Dum la subskribo de la traktato Jozefo Stalin deklaris, ke la traktato „kreas novan realan bazon por ŝanĝi la antaŭajn malfavorajn rilatojn je rilatoj de alianco kaj amikeco inter Sovetunio kaj Polujo“.

La polaj laborulaj amasoj bonege komprenas la gravecon de la vortoj de la granda gvidanto de la tutmonda proletaro. Ili bone scias kian decidan rolon por la sendependeco, ekzistado, disvolviĝo kaj bonstato, por marŝo de Polujo al socialismo havas la amikeco kaj helpo de Sovetunio.

La pola popolo dufoje ŝuldas sian sendependecon al la sovetaj popoloj, kiuj, gvidataj de la Komunista partio, frakasis la terurajn malamikojn de la pola kaj rusa popoloj: carismon en jaro 1917 kaj hitlerismon en jaro 1946.

La amikeco kaj helpo de Sovetunio, donita en la unuaj jaroj de konstruado de la popola Polujo, ebligis al la pola laborula klaso venki atencojn de la propra reakcio, ebligis aliigi la polan ekonomian strukturon kaj meti la vastajn fundamentojn de socialismo. La amikeco kaj helpo de Sovetunio malebligis la iniciatitajn de la eksterlanda reakcio provojn de politika izolado kaj ekonomia blokado de la Popola Polujo.

Al la amikeco kaj helpo de Sovetunio dankas Polujo la limojn ĉe Odra. Dank' al la politiko de Stalin estas fondita Germana Demokrata Respubliko, kontraŭaganta al ĉiaj reviziemaj tendencoj de anglosaksaj imperiistoj kaj iliaj novhitleranaj agentoj.

En la kvina datreveno de la subskribo de la traktato pri amikeco, kunlaboro kaj reciproka helpo ĉefministro Cyrankiewicz prezentis en la Sejmo (Pola Parlamento) deklaron de la Registaro de la Pola Respubliko, en kiu li diris interalie:

„Tiu ĉi pakto, subskribita antaŭ kvin jaroj inter Polujo kaj Sovetunio, estis plenumo de aspiradoj de la plej bonaj polaj patriotoj, kiuj dum longaj dekoj da jaroj de batalo por la libereco de Polujo, ligis la venkon en tiu ĉi batalo ĉiam kun la venko de revolucio en Rusujo“.

„Kvin jaroj, kiuj forpasis de la subskribo de la traktato pri amikeco, helpo kaj reciproka helpo kaj postmilita kunlaboro inter Polujo kaj Sovetunio formas sendube la periodon, kiu permesas al pola popolo plene konscii, ke tiu ĉi traktato plenigis per enhavo ĉiujn fakojn de nia vivo“. Ĉefministro Cyrankiewicz tiel finis la registaran deklaron.

„Estus neinde de la pola popolo nur kalkuli kaj sumigi niajn profitojn. Estas necese, ke ni — tiel, kiel ni plene konscias, ke la forto de Sovetunio, la forto de la tuta pactendaro estas garantio de nia sendependeca ekzistado, de niaj limoj, de nia disvolviĝo, de nia estonteco, ke ni samtempe estu konsciaj, ke nia vica partopreno, nia konstruado, nia batalo por la paco, reala solidareco kun ĉiuj fortoj de progreso kaj paco — estas granda, ĉiutaga devo de la tuta pola popolo, por si mem, por la historio, por Sovetunio, por ĉiuj siaj aliancanoj, por tiuj, kiuj nun malfacile ofereme batalas en la tuta mondo kun la obskuraj fortoj, kiuj dezirus al la mondo inokuli fatalistan malaktivecon kontraŭ imperiistaj preparoj por la ŝajne neevitebla milito.

Tial plifortigi la fronton de batalo kun imperiismo, plifortigi la pacfronton estas la sanktaj devoj de la pola popolo en tiu ĉi grava momento, kiam ni solenas la kvinjaran datrevenon de la traktato de amikeco de Polujo kun Sovetunio“.



K. KOLEV — La partizanino Vela Peeva — El la XXI Tutbulgara artpentrista ekspozicio

# EL LA LIBERIGITA ĈINIO

(Letero el Ĉengtu)

Karaj kaj estimataj gekamaradoj,

Fratan saluton kaj gratulon al vi ke vi tiel brave kaj persiste bataladas per Esp-o, por mondpaco kaj vera popoldemokratio!

Kun bedaŭrego mi devas sciigi al la vi, ke la plejparto de esp-aĵoj, kiujn oni adresis al la poŝtkestoj n-ro 77 kaj 115 en la periodo de la 8-a dec. 1948 ĝis la 27-a dec. 1949] estis forrabitaj de la Ĉan-Kaj-Ĉerk-aj spionaĉoj post la arestiĝo de niaj fidelaj k-doj Eltunko kaj Ĉiuĉen Jang!

Same kiel en aliaj faŝistaj landoj, la esperanta movado multon suferis dum la regado de la Ĉan-Kaj-Ĉerka regado en Ĉinio. Esperantistoj estis persekutataj, minacataj per ŝnuro kaj kuglo. Ankaŭ la ĉengtuaj progresamaj geesperantistoj ne povis sperti malpli aĉan faron de la spionaro: en 1947 tri membroj de nia grupo estis enkarcerigitaj (la arestitoj estas k-doj Jang Jukun, Zekun kaj Nangu) kaj en 1948 (la 7-an dec.) arestiĝis nia plej talenta, agema kaj brava k-do Eltunko kaj la silentema sed konscia kaj obstina k-do Ĉiuĉen Jang.

Antaŭ la arestiĝo de k-doj Zekun, Nangu kaj Jukun Jang, Ĉeng. Esp. Ligo estis la plej vigla kaj obstina batalanto por Esp-o en la Ĉan-Kaj-Ĉerk-a regiono.

Longe silentis la Ĉengtua E-movado ĝis la alveno de la popola liberiga armeo. Antaŭ la liberiĝo de Ĉengtuo mi estis en Ipin Konteo, kie mi arangis E-kurson de 38 gekursanoj post la liberiĝo. Tiam mi pensis, ke baldaŭ liberiĝos ankaŭ Ĉengtuo, kaj do niaj k-doj Eltunko, Jang kaj Zekun fine revenos en la sunbrilon; ili certe alportos al nia movado pli da forto kaj pli da frukto en la Nova Ĉinio. Sed nur k-don Zekun mi havis la feliĉon revidi viva, k-doj Eltunko kaj Ĉiuĉen Jang estis pafmortigitaj nokte de la 7-a de decembro 1949!

El la rakonto de k-do Zekun kaj aliaj amikoj mi eksciis, ke k-do Eltunko instruadis Esp-on ankaŭ en la Ĉengtua sekreta malliberejo (li foje estis arestita en Sian antaŭ la Ĉina-japana milito, kaj li instruadis en la malliberejo Esp-on al la politikaj malliberuloj) kaj jam kelkaj lernantoj ellernis pli ol duono de la Abocolibro de Esp-o; sed la plejparto de la Esp-lernantoj estis murditaj! Post la liberiĝo de Ĉengtuo, la registaro helpe de k-doj Zekun kaj aliaj liberigitoj elfosis la korpojn de k-doj Eltunko, Ĉ. Jang kaj aliaj 30 martiroj de demokratio. Kion oni vidis! iun sen brakoj, alian sen piedoj... kiel diable kruelaj estas la Ĉan-Kaj-Ĉerkaj ekzekutistoj! Oni sukcesis rekoni k-don Eltunko nur per la libro „Vagado“ (verko de Luzin, la ĉina Gorkij) en lia poŝo!... Ho, karaj k-doj, mi ne havas vortojn por esprimi mian malamon kaj abomenon al la murdistoj; ni nepre venĝos ilin, per sango la hundaĉoj pagu la sangajn krimojn!

Granda, apenaŭ rekompencebla estas la perdo de k-do Eltunko por Ĉeng. E. Ligo kaj por la ĉina esperanta movado.

Tuj post la liberiĝo, la gek-doj en Ĉengtuo kolektiĝis kaj interparolis pri la revivigo de la Ĉengtua movado kaj la restarigo de Ĉeng. E. Ligo. Nun ni jam sukcesis restarigi la Esp-rondon kaj akiris permeson de la popola registaro por pubike agadi. La poŝtkesto n-ro 77 denove estas en nia dispono, tamen pro financa malfacilo ni ne povas lui ankaŭ la poŝtkeston n-ron 115, kiun k-do Eltunko antaŭe luis.

Do mi min turnas al vi kaj petas, ke vi aperigu mallongan informon, ke k-do Eltunko estas murdita kruele de la Ĉan-Kaj-Ĉerkanoj kaj ke lia adreso: Poŝtkesto 115 Ĉengtu, Ĉinio ne plu funkcias. Sed Ĉengtua Esp-ista Ligo (kiu antaŭe nomiĝis Ĉengtua Esp-o Ligo) restariĝis kaj ĝia poŝtkesto n-ro 77 denove funkcias post la liberiĝo.

Nun mi sendu al vi du ĝojigajn informojn:

Ĉina Esp-o-Asocio jam fondiĝis en Pejking (la nuna ĉefurbo) je la 26-a de februaro 1950. La Buroo de Internacia Informo de la nova ĉina registaro decidis preni Esperanton kiel komunikilon.

2. Ŝanhaja Esp-Ligo restariĝis kaj ĝia organo „Popola Ĉinio“ jam aperis.

Ambaŭ novaĵojn mi ĉerpis el letero de iu k-do loĝanta en Ĉungking, kie nun oni havas kurson en Y.M.C.A.

La ĉengtuaj gek-doj kunvenas ĉiudimanĉe por lingva studado kaj diskutado pri la disvastigo de l'movado. Nun ni preparas eldoni murgazetojn en la universitatoj kaj aranĝi kursojn. Meze de aprilo ni malfermos Esp-o Ekspozicion kaj grandnombre varbos kursanojn. Ankaŭ en liceoj kaj gimnazioj ni intencas aranĝi kursojn por la lernantoj.

Nun la ĉinaj ĵurnaloj okupiĝas ĉefe pri la idea klerigo de la civitanoj kaj pri diversaj aktualaj problemoj. Tamen mi klopodas aperigi tradukaĵojn de artikoloj el I. K. en la gazetoj kaj ĵurnaloj, ĉar ja ne multe oni scias pri la novdemokratiaj landoj ĉe Danubvalo, eble multaj interesiĝos pri Bulgario, Hungario, Ĉeĥoslovakio k. a. same kiel mi kaj aliaj esp-istoj en Ĉinio.

Verdstelan saluton! Frate via

***Laulum***

sekretario de Ĉengtua Esp-ista Ligo
Postkesto 77, Ĉengtu, Ĉinio

---

## MONTMALSANO

Montmalsano aŭ malsano de la aviadistoj estas nomata tiu malsano, kiu aperas ĉe homoj ascendantaj grandajn altaĵojn (turistoj, aviadistoj). La unuaj simptomoj de la malsano aperas post la ascendo je 2500 — 3000 metrojn. Se la ascendado fariĝus piedire, en la komenco aperas supernorma malforteco de la muskoloj kaj laciĝo kun astmo kaj tahikardio (plioftigita korbatado). Post tio aperas kapturniĝo, naŭzado kaj vomado kaj laste oni povas sveni. Ĉe pli pezaj kazoj aperas epistakso (sangado el la nazo), hemoragioj en la pulmo kaj en aliaj organoj. Se la ascendanto iom ripozus, tiuj simptomoj rapide malaperas. Se la ascendado fariĝas sen ia korpopeno ekz. per aeroplano, aŭtomobilo aŭ monttrajno aperas simptomoj precipe de la cerbo — komuna malforteco kaj dormemo. La volo malfortiĝas kaj ekestas indiferenteco. La pensado estas malfaciligita. La apetito malaperas. Ĉe provo de korpa movado aperas kapturniĝo, kapdoloro, tahikardio, naŭzado.

La montmalsano estas ŝuldata al la maldensigita aero, al la nesufiĉeco de oksigeno kaj al la malaltigita aerpremo.

*Ekonomi-geografiaj skizoj*

# KOZAKA LANDO

de *N. N. Miĥajlov*

La vagonaro rapide portas vin al sudo. Antaŭ vi estas kolĥoza kozaka tero, abunda rusa regiono.

Iam antaŭ tri-kvar jarcentoj ĉi tie estis „sovaĝa kampo“ — neplugita, kovrita per stipo tero, aroj da sovaĝaj ĉevaloj, tendoj de la paŝtistaj gentoj. Ĉi tie troviĝis la sudaj landlimoj de Rusio. Ĉi-tien el la nordo forkuadis de la servuteco kaj impostoj al libera vivo rusaj homoj, kaj ĉi tie tiujn ĉi liberamajn malhumilajn aŭdacajn filoj de Rusio renkontis per siaj kruelaj invadoj stepaj nomadoj.

Per la armiloj, per la ĉiama batalpreteco la alvenintoj defendis sian novan liberan patrujon. Oni ilin nomis „kozakoj“, kio en tatara lingvo signifas „nerezisteblaj bandoj“.

Defendante sian domon en la stepo, ĉi tiuj rusaj homoj defendis „ion rusan“, kaj tiamaniere montriĝis, ke veninte ĉi tien pro la malpaco kun la rusa registaro, ili finfine fariĝis ĝiaj defendantoj. La Moskva Rusio utiligis la kozakojn kiel ŝirmon de siaj sudaj landlimoj. Ĉi tiuj militistoj-terkulturistoj ricevis priveligiojn kompense al la devopromeso laŭ unua voko aperi en la militistaraj vicoj sur propra ĉevalo, kun propra sabro kaj lanco. Tiamaniere fondiĝis la rusa kozakaro.

Ĉi tie ne estis servutrajto, la vilaĝoj antaŭ la unua mondmilito donadis multan merkatan grenon kaj viandon, en la kulakaj mastrumadejoj, displugantaj centojn da desjatinoj (rusa mezuro: 2,86 akroj) laboris falĉkaj draŝmaŝinoj — kaj la lando havis alian aspekton, ol el konsumiĝintaj regionoj de Humtera centro. En la stanicoj (kozakaj vilaĝoj) de Don, — Kubanj, — kaj Terek-riveroj progresis intensa sociala tavoliĝo: la kulakoj kaj riĉuloj stanicestroj forte ekspluatis la servistojn el la malriĉaj kozakoj kaj la „eksteruloj“ (tiel nomiĝis pli poste venintaj elmigrintoj). Ĝi estis la lando de la akra klasa batalo. Dum la soveta reĝimo la laborantaj kozakoj liberiĝis de la kulakoj kaj stanicestroj kaj venis al la kolĥoza vivo.

Al la Sovetia Armeo apartenas kozaka kavalerio: sur bravaj ĉevaloj, kun sabroj sen anso sur la tenilo, kun ruĝaj pantalonstrioj ĉe la donkozakoj, kun helbluaj kaj frambkoloraj baŝlikoj (lanaj kapuĉoj) kaj vilaj feltmanteloj ĉe la kubaniaj kaj terekkozakoj. Dum la milito nerezistebla teruriga atako kaj hejme — jen ĉi tiuj displugitaj vastaj kampoj, florantaj fruktĝardenoj kaj vinberejoj, la blankaj dometoj de gajaj kolĥozaj stanicoj...

Pli sude de la urbo Voroneĵ vi transiras la Donriveron kaj eniras la limojn de la Rostovregiono.

Ĉi tie estas fekundaj humteroj, varma, bonefika por la agrikulturo klimato, — nur en la Orienta parto la kampkulturo estas komplikita pro la manko de akvo. En la stepo laŭlonge de la Donrivero kaj ĝia alfluo Sal orlumas vastegaj tritikaj grenkampoj, hele flavas la strioj de la sunfloroj; sur la apudriveraj terasoj estas plantitaj la vinberejoj.

Sed la Rostovgubernio estas riĉa ne nur pro la fekundeco de sia grundo. Ĉe la bordoj de la Norda Donec troviĝas multaj karbminejaj ŝaktoj. En Krasnij Sulin kaj sur la bordo de Azova maro en Taganrog en la naskiĝurbo de la granda rusa verkisto Ĉeĥov — fumas metalurgiaj uzinoj.

El la limoj de la frata Ukrainio en la Rostovregionon penetras la orienta alo de la Donbaso, riĉa per la altvalora karbo — antracito. Ĉi tie oni ekspluatas proksimume la dekonon de la doneca karbo.

Dum vi veturis en la vagonaro de la Supra Donrivero al sudo, al Rostov, tra la Donbaso, la Donrivero sukcesis fari grandan kurbon al la flanko de Stalingrado kaj denove reveni: vi denove renkontas ĝin en Rostov. Libera, larĝa, trankvile fluanta, „kvieta“ Don.

Rostov ĉe la Donrivero troviĝas je distanco de pli ol mil kilometroj de Moskvo, ne malproksime de la enfluo de Don en la Azovan maron. Tiu ĉi multhoma suda urbo multe suferis de la germanoj kaj nun rekonstruiĝas. Ĉi tie en la jaroj de Stalinaj kvinjarplanoj estis konstruita fabriko por agrikulturaj maŝinoj. Ĝi produktis ilin pli multe ol antaŭ la Oktobra revolucio la tuta carisma Rusio. Ruinigita de la germanoj, nun ĝi jam denove konstruas la maŝinojn. Rostov donas multajn viandproduktojn, farunon, cigaredojn. Ĉi tiu industrio havas riĉan bazon por plua kresko: la altfornoj kaj ŝaktoj de Donbaso donas metalon kaj karbon, la kolĥozoj kaj sovĥozoj de la fekunda Dono — agrikulturan krudaĵon.

Jen vi forlasis Rostovon, brue traveturante la ponton trans la Donrivero, kaj vin englutas la senlima, freŝa, verda Kubania stepo. La vagonaro fulmrapidas, kaj sub la aerfluo fleksiĝas longaj folioj de maizo...

Jus vi vidis la Donriveron, kiu fluas ĉi tien preskaŭ el sub Moskvo — de Stalingrado, kiel renkonte al vi jam portas siajn akvojn Kubanjo, naskiĝanta el la neĝoj de Elbruso. Kaj vi jam atendas kiam aperos en sudo el la plata horizonto la blanka kapo de la montosupro... Vin kortuŝas tiu ĉi trajto de la proksimeco inter Moskvo kaj Kaŭkazo. La akvo de Tulaj fontoj kaj kaŭkazaj glaciejoj miksiĝas en la Azova maro, — en la antikva Suroĵmaro, apud kiu staris la riĉa Tmutarakan, sud-orienta antaŭposteno de la slavoj el la epoko de Kieva Rusio.

Sur la ebenaĵoj de Norda Kaŭkazo, pli proksime al Azova maro, etendiĝas Krasnodarregiono. Per sia suda ekstremo ĝi jam transiras la montojn al la Nigramara bordo. Kaj pli oriente, sur la ebenaĵo al la Kaspia maro, kuŝas Stavropol- kaj Groznij-regionoj.

En Kubanio la vastegaj kampoj de tritiko, hordeo kaj maizo alternas kun la legomkampoj, plantejoj de heliantoj kaj tabako kaj la novaj kulturoj en tiu ĉi regiono — kotono, sojo, ricino k. a. En la Kubanjaj superakvigataj, malaltaj, sed sekigitaj parceloj laŭlonge de la riverfluo kreskas rizo; miloj da hektaroj de la antaŭe marĉa tereno dum la soveta reĝimo estas sanigitaj kaj sursemitaj per valora kulturo, kiun antaŭe en ĉi tiuj lokoj oni ne konis. Granddistance la Kubanjrivero estas digita por evitigi la superakvegojn.

El la rusa lingvo tradukis: ***D. Staritsky***

---

La finnlanda astronomo d-ro Väisälä (Turku, Finnlando) malkovris du planedojn, kiuj sin trovas en la spaco inter la orbitoj de Marso kaj Jupitero, kiujn li nomis Esperanto (planedo № 1421) kaj Zamenhof (planedo № 1426).

Sciigas: Antono Paluzie



N. KOĴUHAROV: Renkonto de la Soveta armeo — El la XXI Tutbulgara artpentrista ekspozicio

# UNUA DE MAJO

„Unua de Majo — tio estas mirinda kombinaĵo de la bonega patriotismo, de la amo kaj sindonemo al sia patrolando kun la internacia solidareco de la laboruloj kaj ankaŭ kun la frateco de la liberamantaj popoloj.

Ne povas esti vera patriotismo sen internacia solidareco, kiel ankaŭ ne povas esti vera solidareco sen efektiva popola patriotismo".

Georgi Dimitrov

La unuan de Majo 1888 la laboristoj de la uzinoj Mac Cormic en Chicago — Usono eliris en la korto de la fabriko kaj proponis al ĝia estraro okhoran labortagon.

Kvankam ilia postulo estis paca kaj senbrua, nerompanta la trolaŭditan „liberecon" de la amerikaj civitanoj, sed tiu laŭleĝa natura postulo rompis la kruelan ekspluatadon de la senrajtaj laborulaj amasoj de Mac Cormic. Anstataŭ kontentiĝi iliajn justajn postulojn li alvokis policon kiu pafmortigis kaj vundis multajn laboristojn. Tio provokis indignon ankaŭ en la aliaj entreprenoj en Chicago kaj ankaŭ en aliaj urboj de Usono. La sciigo pri la krueleco de la chicaga polico transiris ankaŭ en Eŭropo kaj en ĉiuj kontinentoj. Hirtiĝis unu post alia ambaŭ mondoj — la mondo de la multmiliona laborista klaso kaj la mondo de la laŭmombre sensignifa burĝkapitalisma ekspluatista klaso, droninta en kontenteco, abundeco kaj diboĉo.

Ĉar de Usona federacio de la laboro estis jam difinita manifestacio je la 1-a de Majo, la unua kongreso de la Dua internacio en Parizo en 1889 difinis tiun daton por tago de la internacia manifestacio.

Unua de Majo — tio estas tago de kontrolo de la laborulaj batalfortoj en la tuta mondo.

Por 62-a fojo la laboruloj en la tuta mondo festos la Unuan de Majo. Antaŭ 62 jaroj dum la unuaj manifestacioj multaj homoj primokis tiujn manifestaciojn kredante ke la kapitalisma sociordo estas forta kaj longedaŭra.

La Granda Oktobra socialisma revolucio forigis tiun opinion. Depost tiu revolucio la mondo disiĝis je du kontraŭaj tendaroj — la socialisma kaj la kapitalisma kaj akcelis la krizon de la kapitalismo. Tiu revolucio instigis la tutmondan laborularon pri batalo por sia liberiĝo elde la ekspluatado. Tiu revolucio instigis la sklavigitajn kaj subpremitajn popolojn en la kolonioj batali por sia liberiĝo.

La tuta laborularo en la mondo atendas kun granda ĝojo tiun tagon. Tiam ĝi manifestos sian volon pri batalo por defendo de la paco. Dum tiu tago la laboruloj en la tuta mondo manifestos sian senliman amon kaj dankemon al la popoloj de Sovetunio pri la venko al la hitlerista Germanio kaj pri ilia liberiĝo de la faŝismo. Dum tiu tago ili esprimos sian amon kaj dankemon al la genia gvidanto kaj instruisto de la mondproletaro — Stalin. Dum tiu tago la laboruloj en la tuta mondo esprimos siajn sentojn kaj solidarecon al la batalantaj por libero kaj paco sklavigitaj kaj subpremitaj popoloj. La adeptoj de la paco el la tuta mondo renkontos tiun tagon kun milionoj da subskriboj en defendo de la paco.

La ĉi-jaran Unuan de Majo la laboruloj el ĉiuj lan-



B. DANKOV: Konstruo de fervoja ponto — El la XXI Tutbulgara artpentrista ekspozicio

doj festos en tute nova internacia stato. 800-milionoj da personoj — unu triono de la tuta homaro — forigis la imperiisman jugon de si. Sur granda spaco — de rivero Elba ĝis Pacifiko — sukcese efektiviĝas la grandaj ideoj de la kreantoj kaj gvidantoj de la komunisma movado: Marx, Engels, Lenin, Stalin. La imperiistoj kun maltrankviliĝo enrigardas la landkartojn de siaj mondposedaĵoj, vane penante embarasi la kreskantan liberigan movadon. La malnova mondo — la mondo de la ekspluatado de la homo fare de homo, la mondo de la perforto, de la turmentoj kaj de la detruaj militoj — pereas. Venkas la nova mondo la mondo de la liberigita laborado, de la socialismo, de la demokratio kaj de la paco!

Kiom ajn freneziĝus la anglo-amerikaj imperiistoj, ili ne povas embarasi la ĉiam pligrandiĝantan disvastiĝon inter la popoloj ĉiulandaj de la movado pri liberiĝo elde la kapitalismo kaj pri la pliiĝantaj simpatioj kaj arda amo al Sovetunio — la fidinda apogo de la paco, la fortikaĵo de la liberiga movado de la laborulaj amasoj.

Je la Unua de Majo la laboruloj honoros la grandan historian venkon de la 475 miliona ĉina popolo kontraŭ la Kuomintanga kliko de Ĉiang Kaj-ŝek, kiu akcelos la venkon de la socialismo kaj malfortigos la fortojn de la imperiismo kaj kontribuos por la plifortigo de la pozicioj de la mondpaco. La liberiĝo de la ĉina popolo inspiros ankaŭ la heroajn batalantajn popolojn de Vietnam, Malaja, Birma kaj la aliajn popolojn de Oriento batali por sia liberiĝo.

La Unuan de Majo dum tiu ĉi jaro la laborulaj amasoj festos ankaŭ ĉe granda sukceso en profito de la popoloj batalantaj pri la konservo de la paco. Estingiĝis jam la fajrujo de la militoj en Eŭropo. Estas fondita la nova Popola Respubliko Germanio, kiu kontribuos pri la forigo de la danĝero pri militoj en Eŭropo kaj por la konservo de la paco.

Je la Unua de Majo la laborulaj amasoj de la tuta mondo esprimos sian solidarecon kun la heroaj popoloj de Francio, Italio, Hispanio, Greklando, Japanio, Usono, Okcidenta Germanio kaj kun la laborulaj amasoj en Jugoslavio firme batalantaj kontraŭ la pezaj kondiĉoj de faŝisma reĝimo de la kliko de Tito.

La granda sukceso de la laboruloj en la tuta mondo senmaskigos la kriman faŝismo-naciisman. klikon de Tito-Ranković. La anglo-amerikaj imperiistoj provis utiligi tiun bondaĉon de pagitaj murdistoj kaj spionoj por renverso de la ekzistanta ŝtata sociordo en la landoj kun popola demokratio, por la deŝiro de tiuj landoj de Sovetunio, por dissplitigo de la internacia laborista movado kaj por bruligo de tria mondmilito. La planoj de la imperiistoj kaj de ilia agentejo de Tito spertis malhonoran fiaskon.

La Unuan de Majo ĉiuj homoj en la tuta mondo kiuj ne deziras militon, sendiference de iliaj politikaj kaj religiaj komprenoj, sendiference de ilia socia kaj nacia aparteno, devas manifesti sian unuiĝon kaj sian indignon kontraŭ la bruligantoj de nova milito, sian solidarecon en la batalo por malpermeso de la atoma energio kiel rimedo de amasa mortigado de homoj, sian batalemon por konservo de la mondpaco.

Vivu la Unua de Majo — tago de solidareco de la laboruloj ĉiulandaj, tago por kontrolo de la pliiĝantaj fortoj de la popoloj, batalantaj en defendo de la paco!

Minko Conkovski

№ 5-6 MAJO-JUNIO 1950 KVINA JARO

# INTERNACIA KULTURO

KULTURA KAJ SOCIA REVUO DE LA DANUBREGIONAJ ESP.-ASOCIOJ
Telefono 7-89-08 — poŝtĉekkonto 9966
JARABONO: enlande — 400 lv. eksterlande — 20 respondkuponoj internaciaj.
Redakta komitato: Redaktoro: SIMEON HESAPĈIEV
AŬSTRIO: Gabriel Katzianka.
BULGARIO: Nikola Aleksiev, prof. Petr Dinekov, Assen Grigorov, prof. d-ro Stojan Ĝuĝev, Vitali Julzari Ivan Keremidĉiev-Esperov, Ivan Sarafov
ĈEĤOSLOVAKIO: Adolf Malik.
HUNGARIO: d-ro Kolomano Koloscay, Paŭlo Balkányi, Ladislao Sómlai.
POLLANDO: Isaj Dratwer.
RUMANIO: Jon Bunesku, Petre Firu, St. Freamat, Josif Petrin, Simeon Zal

Adreso: STR. TRI UŜI 15, SOFIO — BULGARIO

## Lingvaj demandoj

Mi legis en la rubriko „Lingvaj demandoj" decembra numero de „Internacia Kulturo" tre interesan demandon, ĉu oni komprenas kion signifas la frazo: Ni ne staru kun krucigitaj (krucmetitaj) manoj!

Mi, estante mem japano, povas bone kompreni la frazon, ĉar ankaŭ en la japana lingvo ekzistas simila esprimo.

Mi pensas, ke la frazo devis sin trovi en „Ankoraŭ pri la neŭtraleco de nia movado" de s-ano Hristo Kaneŝev, sed oni anstataŭigis ĝin per alia frazo: Ni ne restu plu en dolĉa senaktiveco.

En la japana lingvo ekzistas la frazo: Wareware wa te wo komanuite bôkansite inaide iyô!

(Ni, japanoj kutime uzas ne latinajn literojn, sed ĉinan ideografiaĵon kaj japanajn literojn, per kiuj ĉi tie mi tamen ne skribas por ne embarasi vin).

Mi tradukas ĝin esperanten

laŭvorte: Ni ne rigardu indiferente kun kricigitaj manoj.

laŭsence: Ni ne staru, nenion farante (dum aliaj laboras).

Mi ŝatus ekscii, ĉu ankaŭ en aliaj lingvoj ekzistas simila esprimo. La aperon de similaj notoj mi tre scivoleme atendas. Kun respektoplena saluto,

via *Saka Tadashi*
Tsu, Mie-ken, Japanio

**NOTOJ AL „LA PURA VOJO" DE IVAN VAZOV (PAĜO 16)**

[1]) Kârserdaro — estro de turka ĝendarmaro.
[2]) Sredna Gora — bulgara montaro, sude de Stara planina (Balkano)
[3]) Ĉukurlii = Pesnopoj — vilaĝo en la regiono de urbo Karlovo.
[4]) Sakpantalono — turka larĝa pantalono.

La tradukinto

## Radio

***Depost 12-a de Junio Radio-Sofia emisios en esperanto ĉiusabate vespere de la 20 ĝis 20·15 h. per mallongaj ondoj 39·11 m.***

***Karaj gesamideanoj, ni petas vin aŭskulti la esperantan emision kaj sendi leterojn al Radio-Sofia esprimante vian opinion kaj deziron, ke la emisio en Esperanto estu farata ĉiutage.***

## Bibliografio

1. Boletin de la Federacion Esperantista Espanola, Ruzafa 7, Valencia, Espana
2. Franca Esperantisto, № 109 Janv.-Févr. 1950, 34, rue de Chabrol, Paris (10e)
3. Informilo de IGEL, № 1, 1950, Jan. Febr. Nederlando, Nepveustraat 33, Amsterdam W.
4. Laborista Esperantisto № 11, Nov. 1949 Roelantstraat 4, Amsterdam (West) Nederlando
5. La juna vivo, № 146, Februaro 1950 Tjo-centro, West-Graftdijk, Nederlando
6. La revuo orienta № 12, 1949, Japana Esperanto Instituto, Tokio, Hongo-Motomati, Japanio
7. Scienca revuo, № 1, 15.2. 1950, Kerkpad ZZ 53, Soest, Nederlando
8. Socialist leeder, № 6, Febr. 1950, 318, Regents Park Road, Finchley London № 3
9. The British Esperantist № 535/536, Nov. Dec, 1949, 140, Holland Park avenue, London № 11
10. Voĉo de Islando, № 4, Dec. 1949, Reykjavik, Islando



***TEJA membroj povas pagi sian jarkotizon ĉe B. E. K. str. Tri uŝi, 15, Sofio per 14 int. rpk. aŭ 300 lv.***

*Presejo „ESPERANTO, Sofia, str. Tri uŝi, 15*



